7a Jaro Marto-Aprilo 1921 3-4 N° (73-74)

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto :
FRANS SCHOOFS
45, Kleine Beerstraat, Antwerpen

Abonoj kaj Monsendoj :
FERN. MATHIEUX
15, Avenue Bel-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Ĉiuj al Esperantujo!

La dato de la kongreso rapide alproksimiĝas! Ni insiste petas, ke, por faciligi la taskon de la Organiza Komitato, la grupaj gvidantoj sendu kiel eble plej baldaŭ la aliĝolojn de siaj geanoj al la Sekr.: S-ro Fernand Derigat, 12, rue chaussée des Prés, Liége, kaj la monon pere de la **poŝtĉeka konto N 42046 de S-ro Camille Sibille.**

Ni esperas, ke ĉiuj gesamideanoj respondos al la invito de niaj Liéĝaj amikoj, kiuj ŝparis neniun penon por aranĝi belan kongreson Krom la programo, kiu estas tre alloga, Liége estas tre bela urbo lokita meze de la plej pentrinda regiono de Belgujo, kiun oni vizitos dum la lunda ekskurso. Ni estas konvinkitaj ke ĉiuj belgaj esperantistoj volos ĝin viziti.

Sed kongreso estas ne nur agrabla, ĝi estas ankaŭ tre utila por la propagando de nia kara lingvo. Efektive, dum kongreso la propagandistoj havas la okazon interparoli kun la samideanoj de ĉiuj lokoj de la lando kaj kun multe da eksterlandaj geamikoj, kaj, tiel, havi ideon pri la progresoj de Esperanto kaj pri diversaj propagandaj rimedoj, kiujn ili povas profiti por la propagando en sia propra urbo. Por la novuloj, kiuj ne jam ĉeestis kongreson estas nura okazo viziti la teran paradizon! Al ĉiuj ni do diras: Iru al Esperantujo por enspiri dum du tagoj tiun Esperantistan aeron, kiu revivigas, kiu forgesigas la malkontentigojn de la vivo, kiu altigas la korojn kaj la spiritojn, kiu incitas al boneco, al frateco, al pacemo.

Geamikoj, ĉiuj al Esperantujo!

# Deka Belga Kongreso de Esperanto en Liége

(15an — 16an de MAJO 1921.)

La komitato de la organizanta grupo «Liége'a Ago» ageme sin okupas pri la diversaj aranĝoj de la kongreso kaj ni povas de nun antaŭvidi grandan sukceson. Por la vizitantoj, la eksterlandanoj, Liége'o devas esti ne nur la industria kaj heroa urbo, kiu suferis la unuan militfrapon, sed ankaŭ la regiono, kie, je ĉiu paŝo, oni renkontas la belajn vidpunktojn, la naturmirindaĵojn, la riverojn, kiuj zigzagas tra la mallarĝaj montflankoj, kaj la grandajn arbarojn ombroplenajn kaj impone silentajn. La lunda ekskurso plene montros tiujn mirindaĵojn!

PROGRAMO.

**Sabaton** (vespere): je la 7a: Malfermo de la akceptejo. (Hotel de l'Univers, antaŭ la stacidomo Guillemins).

8a. Komitata kunveno de «Belga Ligo Esperantista». Sama loko.

8 1/2a: Kunveno de la Redakta Komitato de Belga Esperantisto; Sama loko.

**Dimanĉon:** 9a: Ĝenerala kunveno antaŭ la stacidomo Guillemins.

9 1/2a : Foriro kun muziko tra la urbo.

10a: Ĝenerala Kunveno de «Belga Ligo Esperantista» en la Universitato, Akademia Ĉambrego), Place du 20 août.

12 1/2a: Fotografado de la kongresanoj.

13a: Oficiala akcepto en la urbdomo.

14a: Festeno en la «Hotelo Trianon» (Boul. de la Sauvenière, 12).

16 1/2a: Faka kunveno de la kongresanoj-membroj de Turing-klubo.

19a: Granda Esperanto - festo kun la partopreno de la fama Brita knaba ĥoro «Romilly Boys' Choir», en la teatro «La Legia», Passage Lemonnier.

**Lundon:** 8a: Ekzameno pri simpla kapableco. Ekzamenotoj povas sin enskribi ĉe la Sekretario de la Ligo.

9a: Ĝenerala kunsido de la kongreso (daŭrigo).

11a: Publika kantado de la «Romilly Boys' Choir», sur la urba kiosko, Boul. d'Avroy.

14a: Ekskurso al Esneux: «La Roche aux Faucons» (Falkroko). — Iro vagonare; reveno piede ĝis Tilff (kie la angla ĥoro kantos sur kiosko) kaj denove vagonare ĝis Liége.

(Mardon: Ekskursoj laŭvolaj).

TAGORDO.

de la Ĝenerala Ĉiujara Kunveno de «Belga Ligo Esperantista».

1. Malferma parolado de la Prezidanto;
2. Raporto de la Ĝenerala Sekretario pri la Esperanta movado;
3. Raporto de la Kasisto pri la financa stato;
4. Disdono de la diplomoj pri profesora kapableco;

5. Parolado de S-ro F. Schoofs: «Esperanto inter la junuloj kaj sekve en la lernejo» kaj «Propagando per la Gazetaro».
6. Parolado de S-ro Pirnay: «Esperanto kaj Komerco».
7. Eventualaj komunikaĵoj.

LEGU ATENTE. — La kongreskarto kostas 5 frankojn; ĝi rajtigas ĉeesti la vesperfeston, la ekskurson, k. t. p.

La prezo de la partopreno en la festmanĝo estas Fr. 15.— kun la vino.

La organiza komitato sin okupas pri la loĝado; la kongresanoj povas rezervigi al si ĉambrojn po Fr. 4, 5, 6, 7 1/2, 10, k. t. p. Por ĉiuj informoj oni sin turnu al la Sekretario: S-ro F. Derigat, 12, Chauss. des Prés, Liége.

# Vizito de la Romilly Boys' Choir al Belgiando

13—21 MAJO 1921.

La pasintan jaron, la Centra Lerneja Komitato de Antverpeno faris gravan internacian enketon pri la apliko de la leĝo pri deviga lernado kaj tiucele uzis Esperanton, dank'al kiu ĝi ricevis valoregan dokumentaron el pli ol 35 diversaj landoj. (1).

Okaze de ĉi tiu enketo ĝi rilatis kun S-ro R. T. Evans, lernejestro en Barry (Kimrujo - Anglujo) de la Romilly Boys'-lernejo, kiu informis la nomitan Komitaton, ke en lia lernejo estas famekonata knabkantistaro kaj violonistaro. La infanoj organizas ĉiujare vojaĝon eksterlanden. Ili jam iris i. a. al Usono, Kanado, Francujo, en kies ĉefurbo, Paris, ili obtenis en 1912a Unuan Grandan Premion en la Internacia Konkurso de Muziko, kaj ili nun deziris viziti nian malgrandan landon, ĉeesti la Dekan Kongreson de la belgaj Esperantistoj, kanti kaj ludi en la ĉefaj trapasotaj urboj (Ostendo, Liège, Antverpeno, Bruselo, Gento kaj Brugo), kaj dediĉi la enspezojn de la koncertoj al iu aŭ alia belga bonfara institucio.

Por efektivigi tiun planon, S-ro Evans petis la kunhelpon de la Lerneja Komitato kaj de la lokaj Esperantistaj Grupoj.

En ĉiu el la nomitaj urboj tuj komencis agi sindonemaj samideanoj, por organizi la aferon, kaj jam nun ni ĝojas sciigi, ke ĉie la Esperantistoj akceptis havigi senpagan loĝokazon al la anglaj vojaĝontoj.

La organizaj komitatoj de Antverpeno, Brugo kaj Gento anoncas jam grandan koncerton en urbaj teatroj je la profito de la Nacia institucio de Militinvalidoj.

---

1° Ni pli detale raportos pri tiu interesplena enketo en proksima numero de B. E.

En Antverpeno la organizo estas patronata de la Distrikta Generalo S-ro Cabra, la Urbestro, la Skabeno de publika Instruado, kaj la Ĉefkonsulo de Britujo. En tiu urbo ni havis ankaŭ la grandan plezuron ricevi la propravolan proponon de la Esperantista aktoraro profesia pri tute senpaga kunhelpo. Estos prezentata en Esperanto la bonekonata kaj delikata teatraĵeto «Bietje», originale flandre verkita de la talentplena kaj ŝatata aŭtoro Maurits Sabbe. La membroj de la Aktoraro, kiuj kunhelpos estas: S-ino Helena Bertrijn, nia neforgesebla Kaatje de 1911, F-ino Marg. Bertrijn (Bietje), S-roj J. De Waegenaer kaj Alfons Van de Velde, kiujn niaj belgaj samideanoj tro bone konas pro ilia perfekta ludado en la Meĥlena Kongreso 1914, por ke mi faru tie ĉi laŭdon pri ili.

En Gento ankaŭ la patronadon akceptis la Distrikta Generalo, la Provincestro kaj la Urbestro. Tie la festo havos ne malpi specialan karakteron, pro la fakto ke ege spertaj amatoroj partoprenos en ĝi, ludante du teatraĵojn.

Jen la ordo de la vojaĝo kaj la adresoj de la sekretariejoj de ĉiu loka organiza komitato:

Vendredon, Majo 13an, vespere: Alveno de la Karavano en Ostendo;

Sabaton, Majo 14an: Festo en Ostendo (Sekr.: F-ino Yvonne Thooris, rue de l'Outre, Brugo).

Dimanĉon, Majo 15an: Partopreno en la Kongreso de Lieĝo, Sekr.: S-ro Oger, 37, rue de Campinne, Liège;

Lundon, Majo 16an: Publika kantado en Liège.

Mardon, Majo 17an: Festo en Antverpeno, Sekr. S-ro Fr. Schoofs, 45, Kl. Beerstraat, Antverpeno.

Jaŭdon, Majo 19an : Festo en Gento, Sekr. S-ro Petiau, 60, Sint Lievenslaan, Gent.

Vendredon, Majo 20an: Festo en Brugo, Sekr. F-no Yvonne Thooris, rue de l'Outre, Brugo.

Sabaton, Majo 21an: Forveturo de la Karavano al Anglujo.

Ni ne forgesu diri, ke S-ro Evans enkondukis Esperanton en sia lernejo antaŭ unu jaro, kaj ke preskaŭ ĉiuj knaboj kaj gvidantoj parolas nian lingvon. La programo de la koncertoj konsistas el kantoj kimraj, anglaj kaj Esperantaj. En Antverpeno la infanoj renkontos samaĝajn lernantojn (Esperantista Junularo), kiuj ankaŭ lernis Esperanton dum la pasinta vintro.

Alia notinda fakto estas ke tiu kantistaro organizis en Anglujo dum la milito pli ol unu feston je la profito de la belgaj rifuĝintoj. La infanoj jam kutimis kanti nian Nacian kanton «Brabançonne» angle, evidente sed. por la okazonta vojaĝo lernis ĝin Esperante, kiel ankaŭ la kanton «Vers l'Avenir», «Naar wijd en zijd».

Ĉiuj grupoj kaj personoj klopodantaj por la organizo de tiu Esperanta Bonfara entrepreno senkulpigu nin pri tio, ke ni ne citas ĉies nomojn. Unue, tio ne estus ebla, kaj, due, ni estas certaj, ke ili trovos sufiĉan memkontentiĝon kaj rekompencon, kiam ili ĝuos sukceson de sia penado.

Al tiu sukceso povas kaj devas kunhelpi ĉiu belga samideano kaj

**samideanino**, subtenante siajn gvidantojn en ilia organiza laboro, kaj precipe vendante al la publiko la kartojn de la bonfaraj festoj. Tiamaniere ili **konkrete** helpos la propagandon por Esperanto kaj montros siun simpation al plej meritplena kaj plej nobla entrepreno, kiu estas la

NACIA INSTITUCIO DE MILITINVALIDOJ.

Do: ĉiuj, energie kaj senlace tuj al la laboro!

FR. DELGARBO.

**NIAJ ABONINTOJ DE 1913-1914**

kiuj deziras bindigi la sesan jarkolekton de nia revuo, ricevos senpage la titolpaĝon kun la enhavo de tiu kolekto. Ili pro tio sendu simplan vizitkarton kun preciza adreso al nia Redakcio.

# Dokumentaro pri la IXa Belga Kongreso

ST. GILLES, 23 — 24 MAJO 1920.)

Malferma parolado de S-ro L. Cogen, Prezidanto de l'Kongreso,

Karaj Gesamideanoj kaj geamikoj.

Antaŭ ĉio permesu al mi ke mi klarigu pro kio mi, kvankam ordinare nomita «la plej malnova Esperantisto de Gento» (kaj tio, ho ve, tute ne plijunigas min!), sed tamen ne kutima ĉeestanto de niaj kongresoj, nun staras antaŭ vi, kiel Prezidanto de la hodiaŭa kongreso! La kauzo de tio estas ke nia kara kaj bonega amiko, S-ro Witterijck, Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, sin sentas treege laca pro la restarigo de sia de senkompata malamiko detruita komerco kaj tute ne povis sin okupi pri nia hodiaŭa kunveno; kaj, ĉar, dum la lasta kunveno de la komitato de tiu Ligo, mi estis nomita unua vicprezidanto, la tasko anstataŭi nian amikon altrudiĝis al mi, kaj kun plezuro mi faras al nia Bruga amiko tiun fratan servon.

Por vi, estimataj gesinjoroj, mi estas do novulo, kaj mi esperas ke vi montros al mi multe da indulgo, okaze de tiu mia vere «okaza» prezidado!

Samtempe mi esprimas la bedaŭron, kiun ni ĉiuj sentas, ne vidante ĉi-tie inter ni nian karan Ligan prezidanton. Mi scias ke li ja sufiĉe bonfartas nun por povi ĉeesti la kongreson almenaŭ kiel simpla kongresano; bedaŭrinde, nova malfeliĉo trafis lin: pasintan semajnon lia estimata edzino subite tre malsaniĝis kaj tio nun tute fortenas de ni nian amikon.

Je ĉies nomo, mi salutas tiun nelacigeblan kunbatalanton kaj esprimas la koran deziron ke, pro bonfara ripozo, li baldaŭ ree tute bonfartos kaj ke dum la estontaj kongresoj kaj Ligaj kunvenoj li restaros

en la loko kiun li ĝis nun tiel brile okupis, nome en la loko de la Prezidanteco!

Karaj geamikoj! La jena kongreso estas la unua kiu kunigas nin depost la mizera, malĝojiga epoko dum kiu malamiko senkompata sin ĵetis neatendite kaj nemeritite sur nian karan patrujon, kaj kondutis «ŝakale» kontraŭ ni!

Nun, kiam la terura militauragano apenaŭ forpasis,postlasanta ruinon kaj morton, la Belgaj samideanoj vin kunvokis al kongreso Esperantista, montrante tiamaniere, ke, malgraŭ ĉiuj gravaj enlandaj problemoj, kiuj nin premas, malgraŭ la, por lingvo internacia senesperigaj okazintaĵoj, ili tamen konservas sian konfidon je la Esperantista demando kaj volas restarigi ankaŭ la Esperantajn ruinojn kaŭzitajn de la milito en sia lando. Kaj mi ĝojas, vidante ke la alvoko de la Liga Estraro estas respondita de tiel ŝatinda nombro de gesamideanoj!

Al vi ĉiuj, karaj reviditaj geamikoj, mi deziras bonvenon koregan kaj dankan, dankan pro la sindonemeco, kiun vi per via ĉeesto montras por nia kara entrepreno!

Al la Francaj, Anglaj kaj Holandaj gesamideanoj mi adresas pli speciale la plej simpatian saluton revidan, ĉar ili venas per sia ŝatinda kaj honorinda ĉeesto plikuraĝigi niajn belgajn klopodojn por la bona afero, kaj tiu saluto aliras ne la malplej al niaj Anglaj amikoj, pro speciala cirkonstanco. Efektive, dum la milito, multaj belgaj Esperantistoj rifuĝis Anglujon, kaj tie, ĉiumaniere frate helpataj de la Anglaj samideanoj, ili havis la okazon organizi la 7an kaj 8an Belgajn kongresojn sub la prezido de nia amiko S-ro Willem van der Biest, tiel ili povis «en amika ekzilejo» daŭrigi sian klopodadon por nia kara lingvo!

Por tiu afabla servo kaj frata helpo, ni esprimas al niaj Anglaj Amikoj emocioplenan dankon, kaj, kiel esprimo de nia dankeco, ni ilin invitis tute speciale, «feste» mi diros, por ĉeeste nian hodiaŭan kongreson. Je ilia honoro mi ĝoje ekkrias: hip, hip, hurah!

Ni ŝuldas ankaŭ multajn sincerajn dankojn al la Urbestraro de St. Gilles, kiu, post tiom da provoj je intereso al nia entrepreno, montras novan manifestacion de simpatio por ĝi, decidinte akcepti nin solene en la Urbodomo.

Ankaŭ al la Bruselo Urbestraro ni diras nian dankemon pro la pruntedono de parto de la Normala Lernejo por nia Ekspozicio: tiu ankaŭ estas ŝatinda esperoplena montro de ekintereso!

Kaj fine, mi ne scias kiel esprimi la senton de danka ĝojo kaj feliĉo kiun ni ŝuldas al ĉiuj niaj St. Gilles'aj kaj Bruselaj gesamideanoj pro la ega klopodado kiun ili tiel aminde kaj kuraĝe prenis sur sin, organizante, do ebligante ĉi-tiun kongreson! Ĉiujn mi devus citi, sed ne sciante pri la kunlaborado de ĉiuj tiuj gebonvolemuloj kaj ne volante forgesi iun, mi ilin kune korege gratulas kaj dankas en la persono de S-ro Van Drunen, Prezidanto de la organiza komitato, profesoro ĉe la Brusela Universitato kaj ankaŭ en la personoj de la nelacigebla F-ino Jennen, kaj de S-roj Mathieux kaj Piens, kiuj, triope kaj la lasta ne la malplej sin donis al la organizado de tiu kongreso kun ekzemplodona

obstino: al ili estis la peno, al ili estu nun la honoro de la sukceso de ilia klopodado!

Kaj al ili mi devas aldoni S-ron Pirnay kiu sin ageme okupis pri la Ekspozicio.

Estimataj gesamideanoj ! Dum la terura epoko kiun la mondo trapasis, ni estis senfortaj, senrimedaj atestantoj de la perdo de multaj samideanoj, kiuj trovis morton kruelan ĉu en la tranĉeoj mem aŭ proksime je ili, ĉu kiel ne rektaj eble moralaj viktimoj de la milito, ĉu alimaniere!

Kaj antaŭ ĉiuj, kun doloro en la koro, ni havas la ĉagrenegon citi unuavice, nian amatan, karegan Majstron, D-ron Zamenhof mem!

Ĉu la Esperantan aferon povis trafi malbonaĵo, malfeliĉaĵo pli granda? Certe nia Majstro devas esti morala viktimo de tiu senkompata, kruela milito! Ĉiuj ni povas imagi kiom li devis suferi en la koro, li, la pacemulo inter la pacemuloj, la homamanto inter la homamantoj, vidante tian hombuĉadon kaj komprenante la danĝeregon en kiu ĝi metis la karan ideon kiu gvidis kaj direktadis lian tutan vivon; kaj lia ne forta fizika naturo ne kapablis kontraŭstari tian moralan baton: la 15an de Aprilo 1917, lin forlasis la vivon, kaj li postlasis en funebrego, sian karan familion kaj la tutan Esperantistaron plorantaj...

Kara Majstro, via ripozo estu dolĉa, ĉar pro viaj dumvivaj klopodadoj por la bono de l'homaro, vi meritis ĝin! Al via memoro, ni sendas la esprimon de nia neforviŝebla doloro, sed ankaŭ la promeson ke ni daŭrigos dum nia ekzistado la laboron de vi komencitan kaj ke

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos,
Ĝis la bela sonĝo de l'homaro
Por eterna ben' efektiviĝos!

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

Inter la ceteraj forrabitaj karuloj ni citu, kun premata koro, Sinjorojn Rektoro Boirac kaj lian filon, kapitanojn Bayol kaj Capé, S-ro Clarence Bicknell, Bolingbroke Mudie, Rhodes Hect. Hodler, Begel kaj Evrot por citi nur la tute ĉefajn inter tiom da aliaj sindonemuloj, kaj inter la Belgoj F-inon Moreau, S-rojn Schrieuwer, L. Schumacher, la junan talentegan pianvirtuozon Andr. De Vaere, S-rojn Arm. Somerling, Storrer, Vermandel, Willems kaj la ĉarman fraulinon Verlent. Certe multaj aliaj estus citotaj. Oni pardonu ke ĉies nomoj ne venis ĝis mia scio!

Al ĉiuj, tiuj gekaruloj koran dankon por ĉio kion ili faris por nia entrepreno dum sia vivo, kaj la esprimon de nia senforgesa memorigo!

Post tiu devo de dankemo al niaj pioniroj estintaj kaj estantaj ni penu malkovri la signifon de la hodiaŭa kongreso!

Mi parolis antaŭ kelkaj momentoj, pri Esperantaj ruinoj! Efektive, antaŭ la milito, la Esperanta movado en Belgujo sekvis vojon ĝojige alcelirantan : en multaj lokoj ekzistis laboremaj grupoj, kies nombro ĉiutage grandiĝis; ni havis belan ĉiumonatan organon; ses fruktodonaj kongresoj jam okazis, dissemante la boran semon kaj la nomo de Esperanto diskoniĝis ĉiuflanken, eĉ en la oficialaj medioj! Ho ve! Mul-

ton el tio forbalais la milito! Preskaŭ ĉiuj grupoj disfalis kaj ĝis nun nia organo ne reaperis! kaj tamen alilande, tie kie la fera mano de l'malamiko ne sentigis sian dolorigan kaj detruantan premon, ni konstatis, kun miro, post la milithalto, ke la Esperanta movado kuraĝe daŭrigadis! Jes, eĉ en Belgujo, la Esperanta flamo daŭrigis kraketadi kaj brileti; en Verviers en St. Nikolao kaj en Gento, kie novaj grupoj kreiĝis inter la lokaj samideanoj, eĉ nenion sciantaj unu pri la aliaj!

Nu, tio estas kuraĝodona, kaj la celo de ĉi-tiu kongreso estas rebriligi la flamegon antaŭmilitan, revekigante la dormantajn elementojn por ke la grupoj ĉie reviviĝu, reformiĝu kaj relaboru por ke ni realkonduku nian belgan movadon Esperantistan malantaŭglitintan, ĝis la loko kiun ĝi estis atinginta antaŭ la milito, por puŝi ĝin poste, per novaj kaj freŝaj fortoj kaj kuraĝo ĝis la fina venko !... Ni penu por tio gajni al nia afero junajn homojn, kiuj, kun arda fervoro laboros por nia afero kaj propagandos ĝin kun senlaca kaj obstina kuraĝo; certe la malnovaj kunbatalantoj restos ĉe sia posteno, sed ni ne forgesu ke la gejunularo estas la hodiaŭa espero de l'homaro kaj la homaro mem de morgaŭ!

La mondo reorganiziĝis: la Societo de la Nacioj kreiĝis. Tie la manko de lingvo internacia jam sentigis sin akre!

Ni ankaŭ reorganiziĝu, alfarante nian entreprenon al la nova stato de l'Mondo; ni klopodu por gajni la Societon de la Nacioj, kaj la enkonduko deviga de Esperanto en la lernejoj de ĉiuj landoj sekvos kaj la venko de nia humana ideo estos efektivigita!

Nu, karaj geamikoj, malfermante tiun-ĉi unuan ĝeneralan kunvenon de belga postmilita kongreso, mi esperas ke niaj hodiaŭaj diskutoj estos fruktodonaj por la Esperanta movado! Kuraĝon do al ĉiuj!

# Teatraj Informoj

Ĉiuj malnovaj samideanoj certe memoras pri unu el niaj plej simpatiaj Esperantistoj S-ro Van de Velde, el Antverpeno, kiu tiom agrabligis niajn kongresfestojn per siaj kantoj kaj deklamoj kaj neniu forgesis la neforgeseblan teatraĵon «Bietje», ludita dum la Mehlena kongreso, en kiu S-ro Van de Velde kreis kun tiom da talento kaj realeco la rolon de «Monne». Foririnte Britujon dum la milito, li havis tie la okazon praktiki sian aktoran kaj verkistan talenton.

Li organizis la artversperojn de la Britaj kongresoj, kiuj okazis dum la milito en Bath kaj York. Li tradukis kaj verkis multe da poeziaĵoj, monologoj kaj teatraĵoj inter kiuj notinda estas «Devo de Reĝo» teatraĵeto, kiu aludas la malfeliĉan sorton de Belgujo dum la milito kaj estis ludata dum la Yorka kongreso de la aŭtoro mem kun la helpo de F-ino Vermeulen, la bone konata deklamantino kaj de F-ino Walraf, tre bona kantistino, ambaŭ belgaj Samideaninoj. «Devo de Reĝo» estis ankaŭ ludata en Ameriko dum la kongreso en Boston

kaj en ambaŭ okazoj akiris grandan sukceson, kiu estas je la honoro de la aŭtoro kaj de la geaktoroj.

Ne forgesante siajn malfeliĉajn samlandanojn, S-ro Van de Velde sin okupis ankaŭ pri monkolekto por la «League for Relief in Belgium» kaj por la suferantaj belgaj infanoj.

Sed lia ĉefa deziro estis prepari por la postmilita tempo aron da bonaj teatraĵoj, monologoj kaj deklamaĵoj por ebligi la organizon de belaj Esperantaj festoj, kaj li plene trafis sian celon. Antaŭ kelkaj monatoj li revenis el Britujo por restadi definitive kun ni, ni esperu, kaj tuj li metis sin al la laboro por reorganizi la geaktoran klubon de Antverpeno, kies Sekretario li estas.

Ni sincere gratulas S-ron Van de Velde pro sia senĉesa agado kaj ni profitas la okazon por atentigi la grupojn, kiuj deziras organizi belajn festojn, pri la ekzisto en Antverpeno de grupo de profesiaj esperantistaj geaktoroj, kiuj volonte sin metos je ilia dispono. Ili sin turnu al S-ro van de Velde, rue de l'Olivier, 10, Antverpeno, kiu donos al ili la necesajn informojn. Estas dezirinde, ke niaj festoj akiru kiel eble plej artan karakteron kaj ke la teatraĵoj estu ludataj de bonaj geaktoroj. La esperantigo de bonaj profesiaj geaktoroj estas do rekomendinda kaj la ekzemplo de Antverpeno imitinda! H. P.

# Belga Kroniko

Ni ĝentile petas, ke la grupoj difinu anon por sendi al la Sekretario de la Ligo, antaŭ la 10a de ĉiu monato, raporteton pri la agado de sia grupo. Ĉar la papero kaj la presado estas tre kostaj, tiu raporto estu kiel eble plej konciza kaj preciza. Por eviti perdon de tempo la informojn pri la movado kaj la grupoj oni sendu **eksklusive** al la Sekretario de la Ligo S-ro H. Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent, 60, Boulevard St, Liévin, Gand; abonlistojn kun la mono oni sendu nur al la Kasisto: S-ro F. Mathieux. 15, avenue Bel-Air, Uccle-Bruselo; por la literaturaj artikoloj kaj ĉio kio koncernas la ĵurnalon mem oni sin turnu al S-ro F. Schoofs, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen, (45, rue de la Petite Ourse, Anvers).

ANTVERPENO. — LA VERDA STELO. — Tiu grupo montras viglan agemon. Je la 19a de Februaro ĝi havis Esperantan vesperon en la salono «De Ton». Tiu festo, dum kiu ankaŭ okazis la ĝenerala kunveno de la grupo, ĝuis grandan sukceson. Ĉeestis pli ol 200 personoj. La programo enhavis muzikaĵojn, kantojn kaj deklamojn kaj dancadon. Nuntempe la grupe kunlaboras kun la aliaj grupoj al la organizo de la granda festo, okazonta la 17an de majo en la Reĝa Franca Teatro kun la Romilly Boys' Choir el Barry (Anglujo). «Bietje» estos ludate Esperante de tri profesiaj artistoj, membroj de la grupo. — La kunvenoj estas multnombre ĉeestataj. Dum ĉiu kunveno okazas libroloterio inter la ĉeestantoj. La dum la vintro organizitaj kursoj finiĝis

kun 50 partoprenantoj, t. e. proksimume 50 % de la komencintoj. — Je la 14a de Aprilo La Verda Stelo malfermis novan kurson, por kiu sin enskribis 180 personoj.

Tiu rezultato devigis la grupon organizi 5 klasojn, el kiuj 4 estas gvidataj nuntempe de S-ro Schoofs kaj 1 de S-ro De Ketelaere.

ANTVERPENO. — «Esperantista Junularo de Antverpeno». La kurso komencita en novembro de la pasinta jaro, sub la gvidado de S-ro Fr. Schoofs, baldaŭ finiĝos. Por daŭrigi la praktikadon de la lernita lingvo kaj por helpi en la propaganda laboro por Esperanto, la junuloj fondis societon. Ĝi enhavas 29 membrojn, kiuj regule kunvenas ĉiuĵaŭde en la festsalono de la komunuma lernejo, Placo Stuyvenberg. Notinde estas, ke la societo, kiu iniciatis tiun junulan poresperantan movadon, t. e. la Postlerneja societo de la 5a kaj 10a Sekcioj, donacis al ĉiuj lernantoj de la suprecitita kurso lernolibron, vortaretojn, kaj Esperantistan insignon.

BRUGO. — La sindonema Prezidantino de la tiea grupo, F-ino Thooris ageme propagandas por la kongreso en Liége. Oni jam povas kalkuli je deko da Bruĝaj gesamideanoj. F-ino Thooris sin okupas ankaŭ sukcesplene pri la festoj organizotaj en Ostende kaj Bruĝo okaze de la vizito de la Angla horo.

GENTO. — La Soc. Gantoise pour l'Expansion des Relations Mondiales» disdonis 10.000 propagandajn broŝuretojn «L'Outil Nécessaire aux Relations Mondiales». Tiu propagandilo enhavas la raporton de la Komerca Ĉambro el Parizo, la opinion de Generalo Leman kaj diversajn propagandajn artikolojn. Tiu broŝureto estas havebla ĉe la Sekretario de la Ligo po Fr. 20, por 100 aŭ Fr. 15.— por 200 kaj pli. — Nova kurso malfermiĝos en la Universitato merkredon, 27an de Aprilo.

Okaze de la vizito de «Romilly Boys' Choir» la Samideanoj de Gento kaj ĉikaŭaĵo organizas belan artan kaj draman feston, kiu okazos en la «Granda Reĝa Teatro». Je tiu okazo Genta Drama Societo kunmetita el plej bonaj geaktoroj proponis sian kunhelpon al S-ro Albert Maertens, Honora Prezidanto de la Genta Grupo kaj Honora prezidanto de la organiza komitato de la festo, kiu en tiaj kondiĉoj havos nedubeblan sukceson, tiompli ke ĝi estas sub la patronado de la Distrikta Komandonto Leŭtenanto Generalo Delobbe, de la Provincestro kaj de la Urbestro. Poresperanta teatraĵo, speciale verkita por la cirkonstanco estos ludata.

GENTO. — La grupo «La Progreso» kunvenas ĉiun lundon je la 7 1/2 en sia privata sidejo Onderbergen 7. La lasta kurso en la lernejo Onderstraat, gvidita de S-ro Somerling, permesis doni kapablecan bultenon al deko da gelernantoj, inter kiuj kelkaj universitataj studentoj.

La gelernantoj estis enkondukataj en la klubon okaze de la ĉiujara intima festo kun tombolo, kiu okazis antaŭ kelkaj semajnoj en plej gaja Esperanta intimeco. Tiu tombolo kiu neniam mankas kompletigi sian utilecon per multe da kora ridado okazas jene: Ĉiu ano alportas enpakigitan lotumaĵon de difinita valoro, **kiu devas esti propagandilo por Esperanto.** La pakoj fermitaj estas interlotumataj.

Dum la festo kiu konsistis el muzikado, kantado, deklamado eĉ ludado de teatraĵeto, S-ro prezidanto Cogen donis tre dokumentitan paroladon — kun bildoj sen lumo, li diris — pri «La Historio de la Harpo». Per ĝi, li celis montri al la gelernantoj kaj invititoj — i. a. delegitinoj de la studentina grupo de la Genta universitato, la uzeblecon de nia lingvo en fakoj teknika kaj scienca.

LEDEBERG. — Merkredon, 30an de marto, la tiean grupon «La Taĝigo» vizitis du Anglaj Samideaninoj Finoj. Nellie kaj Frida Staye el Buckhurst - Hill apud Londono. Je tiu okazo lunĉo kaj festeto estis aranĝitaj.

La 3an de aprilo okazis sukcesplena propaganda festo. Tiun sukceson oni speciale ŝuldas al la organizinto S-ro L. Varendonck, Honora Prezidanto kaj al la gehelpintoj: Finoj Baert, Bienvenu, Comand, De Nil, Labyn, S-ino Rustin, S-roj Claerman, Genot, Van Ostende, A. & L. Varendonck kaj Zwaenepoel. Ĉiuj vetbatalis por amuzigi la publikon kaj plene sukcesis.

VERVIERS. — Dank'al la klopodoj de kelkaj fervoruloj la ĉiutagaj ĵurnaloj sininteresas pri nia movado kaj aperigas ĉiusemajne artikolojn pri kaj por Esperanto. Jen imitinda ekzemplo. S-ro Jos. Herion la Sekretario de la grupo sin speciale okupas pri la enkonduko de nia afero en la Skoltan movadon. Li jam sukcesis interesi la Centran Oficejon en Bruselo kaj ni povas esperi baldaŭan bonan rezultaton.

## EL LA NACIA GAZETARO.

Ni plezure povas konstati ke preskaŭ ĉiuj gazetoj en nia lando volonte enpresas la malgrandajn sciigojn pri la progresoj de Esperanto, kiujn sendas al ili la gazetara servo de la Belga Liga Esperantista. La lokaj grupoj estas petataj eltranĉi la artikoletojn kaj ilin sendi al la gvidanto de tiu servo: F. Schoofs, 45, Kleine Beerstraat, Antverpeno.

La Antverpena Ĵurnalo «Le Neptune» publikigis la 2an de Aprilo bonegan artikolon pri la demando de Internacia lingvo. La redaktoro, kiu nomis sian artikolon «La crise des langues vivantes», ekzamenis la situacion tute objektive kaj racie. Ni tre esperas ke en nia proksima numero ni havos la okazon por aperigi tradukon de tiu artikolo.

La Marta numero de «Ons Woord», Organo de la Antverpenaj instruistoj, enhavas tradukon de la artikolo pri Esperanto en la kunveno de Britaj Edukistaj Asocioj (London — 1 Januaro 1921) aperinta en «British Esperantist». — La Aprila numero de la sama revuo publikigas la fundamentajn regulojn de Esperanto kaj konigas la lastajn progresojn de nia movado. Nova kurso por geinstruistoj estas organizota de S-ro Jan Jacobs.

## ALDONA NOTO PRI LA EKZAMENO PRI PROFESORA KAPABLECO DE LA 14-11-1920.

Laŭ peto de la juĝantaro ni sciigas, ke la maksimumo de la poentoj estis 80. Konsiderante ke el la kandidatoj 3 atingis 0.9 de la poentoj, 5-0.8, 5-0.7 kaj 1-0.65, ni sentime povas gratuli la novajn profesorojn

pro la atingita rezultato. Ni ankaŭ sincere esperas, ke tiuj novaj diplomoj pri profesora kapableco havu baldaŭan efikon rilate la instruadon al novvarbotaj lernantoj.

GRAVA AVIZO.

Intencante klopodi ĉe la Belga Turing-Klubo por la uzo kaj disvastigo de nia lingvo, mi petas ĉiujn Esperantistojn, kiuj ankaŭ estas membroj de la citita Klubo, sendi al mi kiel eble plej baldaŭ sian adreson kaj la numeron de sia membrokarto (vizitkarto sufiĉas).

Mi ankaŭ dezirus ricevi ĉiajn ideojn, planojn aŭ proponojn pri la aludita temo. Aranĝoj estas farotaj por havi interparoladon pri tio en faka kunsido ĉe la Belga Kongreso en Lieĝo.

Leŭtenanto Maurice VAN WANSEELE,
rue Courte van Pelt, 4, Antverpeno.

EKZAMENO PRI SIMPLA KAPABLECO.

Lundon, la 16an de majo okazos en Gento ekzameno pri simpla kapableco. La esperantistoj, kiuj deziras partopreni en ĝi estas petataj tuj sciigi tion al la Ĝenerala Sekretario de la Belga Ligo Esperantista, 60 Boulevard St. Lievin, Gento.

KORESPONDA FAKO.

**(Enpreso de malgranda anonco kostas Fr. 1.— aŭ 4 respondkuponojn.)**

S-ro Cesar MAGALHAES, rua 24 de Maio N° 74, FORTALEZA - CEARA (Brazil.) per leteroj, poŝtkartoj ilustr., poŝtmarkoj.

S-ro Juniĉi NAKAGAŬA, Kamidaĉuri-Muromaĉi-Niŝi, KIOTO (Japan.) — Japana lernanto 18-jara.

---

LITERATURO:

# Sur la Ŝtona Vojo

Longa estas la vojo, kaj malgaja ĝia aspekto! Stonegoj ĝin kovras, kaj la vojaĝanto estas devigata ilin flanken puŝi, por faciligi al si la vojon. Unuflanke, profundegaĵo malfermas sian buŝegon, el kiu eliĝas bruego de muĝanta, ŝaŭmanta torento. Aliflanke, sin etendas ĝardenoj, plenaj je belaj floroj, kiuj surflugas helkoloraj papilioj. De temp' al tempo, belaj infanoj kurante kaj ridante preterpasas, kaj malaperas inter la florojn.

Sur la meza, ŝtona vojo, juna virino iras, tenante la manon de knabeto sia. Ŝi zorgeme forpuŝas la ŝtonojn kiuj malhelpas ĝian iradon.

De temp' al tempo, laca vojaĝanto haltas, senkuraĝe rigardante antaŭ si la longan, ŝajne senfinan vojon, kies unutonecon freŝa oazo nur kelkfoje interrompas. Sed la oazoj estas maloftaj, kaj la laca, senkuraĝigita vojaĝanto malespere alproksimiĝas ĉe la randon de la profundegaĵo el kiu, poste, aŭdiĝas la bruo de falanta korpo.

Aliaj migrantoj sin lasas tenti de la florplena flanka vojo, kie ĝojo

kaj facilaj plezuroj, solaj, ŝajnas regi. Ili malpeze transsaltas la limfosaĵon, kaj malaperas en la florejon, kurante post la rapidaj, malpezaj papilioj. Malofte oni ilin revidas sur la meza, ŝtona vojo, ĉar supernatura kuraĝo, sola, povas ilin eligi el la perdiga, malfortiga loko.

Aliaj kunigas siajn fortojn, kaj frate sin helpas por plibonigi la vojon ŝtonan.

Ĉion tion ĉi, la vojaĝanta virino montras al sia infano, kies forto pli kaj pli kreskas. Iom post iom, ŝi kutimigas ĝin forpuŝi, sen helpo de iu ajn, la ŝtonegojn. Sed tiu laboro tedas la iom mallaboreman knabon kiu, ofte, kaŝrigardas la florplenajn ĝardenojn, kie la papilioj gracie flugas, kie ridantaj infanoj kolektas florojn. Li bone memoras la patrinajn avertojn, sed li pensas, ke ŝi eble trograndigis la kaŝitajn danĝerojn.

Ian tagon, profitante la patrinan neatenton, li tanssaltas la fosaĵon, kaj eniras la belajn florejojn. Ne aŭskultante la patrinajn alvokojn, li persekutas papilion preterflugetantan. Li ĝin kaptas kaj, de la bela insekto, nur restas, en lia mano, iom da polvo. Li sin turnas al floro, por ĝin deŝiri sed kaŝitaj dornoj lin kruele pikvundas, dum abomena vermo elrampas el ĝia kaliko. La knabo maldolĉe ploras. La infanoj, kiuj de malproksime tiel simpatiaj ŝajnis, lin ĉirkaŭas, mokante lian doloron. Li vokas sian patrinon, kaj volas reiri ĉe ŝin, sed lia kurado post la papilio lin malproksimigis de ŝi. Liaj vokoj restas sen respondo. Li volas forkuri, sed dornoj kaj rampantaj kreskaĵoj retenas liajn piedojn. Memorante la vortojn de sia patrino : «Supernatura energio, sola, povas savi tiujn kiuj eniris tiun vojon!», li leviĝas, neatentante la belajn fruktojn, kiujn alportas la infanoj, volantaj, tiamaniere, lin allogi. Li kuras, falas ankoraŭ kaj vundiĝas, sed kuraĝe sin levas, por daŭrigi sian kuradon. Alvenante ĉe la fosaĵo, li volas ĝin transsalti, sed la forton necesan por tion fari, li ne plu havas. Li glitfalas en ĝin, kaj pene sukcesas surgrimpi la alian bordon. Tie lin atendas virino, lia patrino. Amplene ŝi etenas la brakojn, en kiujn sin ĵetas la pentulo. Ŝi lavas liajn vundojn kaj, poste, lin invitas daŭrigi la vojaĝon, kion li ĝoje akceptas.

Nun la ŝtonoj ŝajnas al la knabo malpli pezaj. Konfidplene li nun rigardas antaŭ si, kaj helpas la malfortulojn, por kiuj la ŝtonoj estas tro pezaj. Dum sia irado, li rimarkas simplajn, sed freŝajn floretojn, kiujn li, antaŭe, neniam atentis. Ĉiam antaŭen li iras ,ĝis li atingos la vojfinon por, poste, denove rekomenci la iradon sur la ŝtona vojo, kun la spertoj jam akiritaj dum siaj antaŭaj vojaĝoj. Li konis la maldolĉecon de la elreviĝo, sed la sperto kiun li akiris per ĝi lin protektos. La kontenteco pro plenumita devo donos al li la forton necesan por kontraŭbatali lacecon kaj malkuraĝon. Nek dekstren, kie la torento muĝas, nek maldekstren, kie florbedoj sin etendas, li direktos siajn rigardojn. Antaŭen li iros, ĉiam antaŭen!

LUCETTE JANSSENS.

# La harpo kaj ĝiaj perfektiĝoj

La muzikinstrumentoj dividiĝas en tri kategorioj: 1° perkutinstrumentoj (ekz. la tamburo, la triangulo, kc.); 2° la blovinstrumentoj (ekz. la fluto, la hobojo, la klarneto la korno, la trumpeto); 3° la kordinstrumentoj. Ĉi tiuj lastaj subdividiĝas en instrumentoj kun kordoj frotataj (ekz. la familio de la violono), kun kordoj frapataj (ekz. la fortepiano, la hungara cimbalono, kc.) kaj kun kordoj pinĉataj ĉu per la pero de «plektro» (peceto de eburo, metalo aŭ ligno tenata inter la fingroj: ekz. la antikvaj grekaj liro kaj citro, la mandoleno), aŭ de beko de plumo (la klavceno), aŭ rekte per la fingro. Al tiu lasta divido precize apartenas la harpo.

* * *

La harpo estas unu el la plej malnovaj muzikinstrumentoj. Ĝi jam estis uzata ĉe la Egiptoj, sub la nomo «tebuni», diversajn miljarojn antaŭ Kristo, kiel tion pruvas la reproduktaĵoj de ĝi trovitaj sur la monumentoj kaj la papirusoj de tiu popolo. Unuj estis grandaj kaj memorigas pri la moderna instrumento, ĝeneralforme, kun la piedkuveto, la son-kesto aŭ-tabulo oblikva, sed sen la kolono. Aliaj estis malgrandaj kaj estis surluditaj tenataj sur la genuo aŭ metitaj sur la meblo. La nombro de la kordoj variis inter kvar kaj dudek du. La Skota vojaĝisto, James Bruce (1730 — 1794) malkovris en la tombo de l'Faraono Ramses la IIIa (± 1250 A. K.) grandan kaj belegan harpon riĉe ornamitan, provizitan je dektri kordoj.

Sur la monumentoj de la Asiroj, de la Babilonanoj, de la Persoj kaj de la Sirianoj (reliefaĵoj sur la palacoj de Ninivo kaj Babilono k. c.) estas ankaŭ troveblaj harpoj, malpli elegantformaj ol tiuj de la Egiptoj sed ĝenerale provizitaj je pli granda nombro da kordoj. Oni eĉ malkovris la reproduktaĵon de tuta orkestro de harpistoj.

La Grekoj, kies du ĉefaj instrumentoj estis la liro (greklingve: forminks) kaj la citro (kithara) konis tamen ankaŭ la harpon kiun ili nomis «magadiso», ĉar sur ĝi oni povis «magadisi» t. e. aŭdigi kanton samtempe en du oktavoj. La magadiso, kies formo estis tiu de la Egipta harpo, havis ĝis tri dek kvin kordojn.

Por esti plena ni diru ke ankaŭ la Hebreoj havis harpojn, eĉ kun kolono (kinoro); ke la instrumento estas ankaŭ konata de la Ĥinoj (kino aŭ kinano) kaj de la negraj tribuoj eĉ nuntempaj.

* * *

Dum la Mezepoko, la harpo estis la instrumento de la Gallaj bardoj kaj de la Skandinavaj Skaldoj. Ĉe la Gallanoj ĝi estis nomata «clairscach, clarsach aŭ claasag» (ĝI jarcento); en Britujo Xi havis la nomon «teleyn, telein aŭ telen».

Tiuj harpoj estis ĝenerale porteblaj; oni surludis ilin tenante ilin per la maldekstra mano kaj apogante ilin kontraŭ la maldekstra ŝultro, aŭ metinte ilin sur la genuo. Ekzistis tiam ankaŭ grandaj harpoj.

Preskaŭ ĉiuj havis la formon triangulan nunan kun kolono. Ĝenerale

ili posedis nur unu vicon de kordoj kaj pro tio ili estis severe diatonaj kaj nekapablaj ludigi moduladon (tonŝanĝo), ĉar estis neeble produkti sur ili aliajn notojn ol tiujn obtenatajn de ĉiu el iliaj kordoj sonantaj je la tuta longeco. Tiu manko je kromatikeco estis la kaŭzo de la malsupereco en kiu ĉiam restis tiu poezioplena instrumento.

* * *

Tamen diversaj provoj estas faritaj dum la lastaj jarcentoj por forigi tiun gravan neperfektaĵon, sed ili estis sen, aŭ preskaŭ, sensukcesaj. Tri principoj estis aplikataj tiucele: 1° tiu de la kordoj paralelaj: ekz. en la Irlanda harpo ekzistas du paralelaj kordaroj apartigitaj per vertikala sontabulo. La «arpaneto» (Spitzharfe) estis simila sed pli malgranda. De 1581 datas alia kromatika harpo kun du paralelaj kordaroj. 2° la principo de l'interkruciĝantaj kordoj: en la Muzeo South Kensington (Londono) estas elmontrita skota harpo kun interkruciĝantaĵ kordoj datanta de la XVa jarcento. Pfranger konstruis ankaŭ tian harpon kaj oni citas eĉ similan sistemon, cetere neuzeblan, de la pianfabrikisto Henry Pape (1845).

La ĉefa riproĉo al la instrumentoj konstruitaj laŭ tiuj du principoj estas la manko de pureco de la sonoj, devenanta de la fakto ke la kordoj estas tro proksimaj unu de la alia kaj ke, kiam unu el ili estas pinĉata ĝi tuŝas siajn najbarojn kaj igas ilin kunsoni.

Aliparte, malgraŭ la plimultigo de la kordoj, la nombro de la notoj ludeblaj sur tiuj instrumentoj, estas tro malgranda.

Proksimume je 1600 tirola intrumentkonstruisto kies nomo restis nekonata, elpensis novan principon (nia tria principo) por intermeti la kromatikajn gradojn: la pli mallongigon de la kordoj kiu permesas produkti sur unu kaj sama kordo, vibranta laŭ sia tuta longeco, la duontonon superan, obtenitan per la plimallongigo. Tiu mallongigo estis obtenata por ĉiu kordo per hoketo ekpremanta la kordon. En 1720 violonfaristo el Donaŭwerth, nomita Hochbrücker, sukcesis produkti la samtempan mallongigon de ĉiuj samnomaj notoj per sistemo de pedaloj. La belega harpo de Mario - Antonino estis konstruita, de Nadermann, laŭ simila sistemo. Kelkajn jarojn poste, litova generalo, Mihaelo-Kazimiro Oginski, estas perfektiginta la sistemon de la pedaloj, igante la notojn sendependaj unu je la alia.

La lasta kaj ĉefa perfektigo de la sistemo de la mallongigo de l'kordoj estas tiu de la «duobla movo»,inventita inter la jaroj 1787 kaj 1811, de la glora pianfabrikisto Sebastiano Erard (Strasburgo, 5an de Aprilo 1752 — Passy, 5an de Aŭgusto 1831).

La harpo Erard, kiu estis vera progreso kompare kun la antaŭaj instrumentoj, venkis ilin baldaŭ kaj estis la nura uzita dum la tuta XIXa jarcento. Tiu harpo konsistas el unu vico de 46 aŭ 47 kordoj (de do b — 1 ĝis fa b aŭ sol b 6). En sia tuta longeco, la kordoj estas agorditaj tiamaniere ke ili formas la gamon «do b» (Ces) maĵoran : ĉiu kordo tiam produktas bemoligitan noton. Je la malsupra parto (piedkuveto) estas almetitaj sep pedaloj. Ĉiu el ili respondas, per sistemo de bastonetoj (metalaj stangetoj),leviletoj kaj risortoj, al la kordoj samnomaj: la pedalo «do» (C) regas do ĉiujn kordojn «do» (C), la

pedalo «re» (D) ĉiujn kordojn «re» (D) k. c. Ĉiu pedalo estas malaltigebla dufoje; el tio venas la nomo «duobla movo». Se ĉiuj pedaloj estas malaltigitaj unu foje, ĉiuj kordoj estas mallongigitaj per forketoj kiuj ekpremiĝas kontraŭ ili tiamaniere ke la bemoligitaj notoj estas altigitaj je duona tono kaj ke la instrumento nun staras en la tono «do» (C) maĵora. Se oni malaltigas ĉiun pedalon duan fojon, la forketoj denove plimallongigas la kordojn kaj tiel diesigas ĉiujn notojn: la instrumento tiam staras en «do» (Cis) diesomaĵora. Estas facile kompreneble ke, malaltigante nur kelkajn difinitajn pedalojn, oni metas la instrumenton en la ceterajn tonojn.

Tiu klerega mekanismo ne malhelpas ke la harpo kun duobla movo restis instrumento esence diatona : la kromatikaj trajtoj, efektive, necesigas intersekvon tiel rapidan kaj tiel multnombran de pedalmovoj) ke ili estas tute nefareblaj. Estas tiel same por la modulado al malproksimaj tonoj, t. e. de trajtoj irantaj de unu tono al alia havanta plurajn modifsignojn plie aŭ malplie je la kleo, escepte se oni povas ripozi dum ia nombro da taktoj, por, intertempe, meti la instrumenton en la novan tonon. Nur maloftaj kromatikaj notoj solstarantaj aŭ malrapidaj moduladoj al proksimaj tonoj, bezonantaj nur unu aŭ du pedalmovojn, estas akcepteblaj. Tiu malbonaĵo trudis Berlioz' on «diatonigi» kromatikan kantparton en la valso de sia fantastika simfonio, por igi tiun parton ludebla sur la kunpedala harpo. Tiu sama difekto trudis Wagner'on uzi diversajn harpojn de antaŭe agorditajn en diversaj tonoj, por igi daŭrigi sur unu, trajton komencitan de alia.

Tiuj du ekzemploj sufiĉe montras kiom bedaŭrinda estis la diatonikeco de la harpo, precipe dum la nuna epoko kiam la muziko fariĝas ĉiam pli multtona. Tiu malperfekteco estas malhelpaĵo por la libera inspiro de l'muzikverkisto kiu ĉiam devas demandi al si mem ĉu tiu-ĉi aŭ tiu trajto estas ludebla, kaj riskas esti trudata ŝanĝi ĝin, se li ne volas ke la ludanto, deklarante ĝin ne ludebla, ĝin fuŝos. Por la lernanto, la mekanismo de l'pedalojkaj la plureco de l'sonoj produkteblaj sur unu sama kordo, kaŭzas tre grandajn malfacilaĵojn studajn. Eĉ artisto devas konstante streĉi sian atenton por tuj, meze en ludado, kompreni kiaj pedalmovoj estas farotaj por ludi ĉi-tiun aŭ tiun kromatikan noton aŭ por transiri al la proksima tono.

Ekster tiuj malbonaĵoj, devenantaj de la diatonikeco de l'instrumento, oni povas riproĉi al la harpo Erard diversajn difektojn devenantajn de ĝia mekanismo: la movado de l'pedaloj produktas malagrablan bruon; la sonheleco malgrandiĝas laŭ mezure ke oni malproksimiĝas de la tono «do b» (ces); la ĝusteco de la instrumento estas mallongdaŭra pro la frotado de la forketoj kontraŭ la kordoj, io kio ilin disstreĉas, tiu frotado eluzas rapide la kordojn: tiuj ĉi rompiĝas ofte kaj povas fuŝi muzikaĵludadon. Ĉe tonŝanĝiĝo sin montras du gravaj malbonaĵoj: unue, trembrueto aŭdiĝas kiam forketo proksimiĝas je kordo jam vibranta; due, je tiu sama momento povas okazi songlitado, t. e. ke se, ekzemple, la baso ludas naturan noton kaj ke, en la kanto oni transiras, en alia oktavo, al noto samnoma sed diesigita aŭ bemoligita, la baso suferos la saman modifon, kaj tio estas malagrabla kaj samtempe falsigas la harmonion!

Pro ĉiuj ĉi-supre klarigitaj motivoj oni vidas kiom dezirinda estus la estiĝo de harpo kromatika, senigita je kiu ajn mekanismo. Nu, tia harpo ekzistas: ĝi estas eltrovita de Sinjoro Gustave Lyon, estinta lernanto de la politeknika lernejo, mininĝeniero, aŭtoro de verkoj pri akustiko,nuna direktoro de la firmo Pleyel, en Parizo. S-ro Lyon ekhavis la ideon pri sia kromatika harpo en 1894; li realigis ĝin praktike en 1897 kaj de tiam ĝin konstante perfektigis, nome en 1903.

Tiu instrumento havas du vicojn de kordoj (unu blanka, la alia nigra) kiuj interkruciĝas (reveno al la dua principo!) je la sekvanta maniero rilate al la ludanto sidanta malantaŭ la sontabulo: la blankaj kordoj, kiuj respondas al la blankaj klavoj de l'piano, estas streĉitaj de dekstre maldekstren kaj de supre malsupren; la kordoj nigraj, respondantaj al la nigraj klavoj de l'piano, estas streĉitaj de maldekstre dekstren kaj de supre malsupren. La tonoj kaj duontonoj staras kiel en la piano; sekve, je la loko de la notoj do (C) kaj fa (F), sin sekvas, sen intera kordo, du kordoj blankaj; tamen, kiel gvidiloj, la kordoj «do» (C) estas koloritaj ruĝe. Pro tio la surludado estas absolute la sama kiel tiu sur la piano kaj pianisto povas akiri la teknikon de la nova harpo post mallonga tempo. Ĉiu mekanismo de pedaloj, forketoj, k. c. estas for: kordoj, sufiĉe interspacigitaj, por ne sin intertuŝi, produktas ĉiu nur unu sonon; la instrumento kalkulas 78 kordojn: de re 1 - ĝis sol 6.

Jen do malaperis la grava malperfekteco devenanta de la diatonikeco. Sur la instrumento de S-ro Lyon estas ludebla ĉio kio estas skribita por la piano, tiamaniere ke la harpo, kiu, estinte, estis preskaŭ tute senliteratura (ĉar oni devis, en la maloftaj specialaj verkoj skribitaj por la diatona harpo, kontentiĝi je la fantazioj kaj koncertverkoj de Parish - Alvars, Oberthur, Boksa, Godefroid), nun tuj ekhavas je sia dispono la riĉaĵojn neelĉerpeblajn de la pianaj verkoj klasikaj kaj modernaj. La harplernanto povas nun akiri artbonguston, absolute kiel la pianolernanto, ĉe la studado de l'verkoj de l'grandaj muzikverkistoj estintaj kiel Rameau, Scarlatti, Haendel, Bach, Haydn, Mozart, Beethoven, Mendelssohn, Schumann, Schubert, Chopin, kaj de tiuj de la nuna epoko, kiel Saint - Saens, Widor, Fauré, Grieg, Moszkowski, Raff, Richard Strauss, Claude Debussy, k. c., k. c., ĉar ĉio estas ludebla sur la harpo Lyon.

De ĝia kreado, muzikverkistoj kiel Reynaldo Hahn, Claude Debussy, Delaborde, Hillemacher, Lefebvre, Pfeiffer, Jean Risler, Samuel Rousseau, skribis por la nova harpo verkojn originalajn en kiuj ili intence kunmetis trajtojn rapidajn de kromatikaj gamoj, simplaj, je oktavoj( je tercoj, je sestoj, je dekimoj, je kontraŭa movo; sekvojn de agordoj kromatikaj arpeĝitaj kaj malarpeĝitaj, tremnotarojn, trilojn k. c., k. c. ĉiuj aferoj absolute neludeblaj sur la malnova pedala harpo, kaj montrantaj la nekontraŭdireblan kaj egan superecon de la instrumento de S-ro Lyon. Ĉiuj malbonaĵoj cititaj rilate al la harpo Erard, malaperis ĉi-tie (pedalbruo, trembruo, songlitado). La agorda ĝusteco de la instrumento estas pli daŭra pro la malesto de forketoj. Pro la sama motivo la kordoj rompiĝas pli malofte, kaj, ĉar ili vibras laŭ

sia tuta longeco, la sonheleco estas egala en ĉiuj tonoj. La forigo de kiu ajn mekanismo multe malpliigas la malfacilecon kaj la lernodaŭron kaj permesas al la ludanto doni sian tutan atenton al la interpretado, io kio estas granda avantaĝo por la kantisto aŭ kantistino kiuj volas akompani sin mem sur la harpo, tiom pli ke la harpo Lyon apogiĝas kontraŭ la genuo kaj ne kontraŭ la ŝultro, konsidero higiena grava por ĉiu juna harpisto; fine la verkisto reakiras sian plenan inspiroliberecon car ĉio estas ludebla sur la kromatika harpo.

La nova instrumento elvokis evidente kritikojn, ĉar tia estas fatale la sorto de ĉiu novaĵo, de ĉiu progreso. Kelkaj el ili estas eĉ... mirindaj, tiel ekzemple, la jena: «La harpo nun estas lernebla de ĉiuj», aŭ la sekvanta: «La kromatikeco estas kontraŭ la naturo de la harpo!!»... Oni asertis ke la sona heleco de la nova instrumentc estas pli malgranda ol tiu de la harpo Erard kaj ke la kaŭzo de tio estas ke la sontabulo, kiu portas 78 kordojn anstataŭ 47, estas tro ŝarĝita, io kio malpligrandigas la amplekson de vibrado de la kordoj, sekve la forton de la sonado. Tiakaze, la fortepiano devus esti la malplej sonhava instrumento kiu ekzistas! Cetere komparaj provoj inter la du instrumentoj, metitaj malantaŭ kaŝvualo, estis faritaj kaj ili neniam riveligis al la aŭskultantoj tiun tiel diritan difekton ĉe la kromatika harpo, male, ĉar ni scias ke estas ja ĉe la harpo Erard ke la sona heleco malgrandiĝas laŭmezure ke la sonoj pli malproksimiĝas de la tono de do b (Ces) majora!

Unu kritiko tamen estas ĝusta: la glitado aŭ glisando de iaj septimagordoj, farebla sur la harpo Erard, estas neludebla sur la harpo Lyon. Tiu glitado konsistas en tio ke oni «promenas» sian fingron sur ĉiuj kordoj post kiam oni, per pedalkombino, preparis la instrumenton tiamaniere ke ĝi produktas en ĉiuj siaj oktavoj, nur kvar notojn, formantajn septimagordon. La efiko povas esti neatendita, interesa, surpriziga kaj kredigi je trajto de virtuozeco, dum, reale, ĝi estas nur artifiko, eĉ malarta. Tiu artifiko estas cetere nur malofte uzata kaj la harpistoj de la nova skolo trovis por ĝi egalvaloraĵon tre akcepteblan. Sed, por tiel malgrandega malbonaĵo, kiom da multvaloraj avantaĝoj havas la kromatika harpo! Cetere, kial S-ro Lyon ne trovus rimedon por gliti sur sia instrumento ne nur kelkajn septimagordojn, sed ĉiujn ajn imageblajn agordojn?

Se kelkaj homoj malmulte progresemaj kaj sendube intereshavaj je la konservado de la malnova harpo, esprimis sian malbonan humoron sub formo de kritikoj kontraŭ la harpo kromatika, ĉi tiu lasta, siaflanke, ricevis simpatiajn aprobojn de la ĉefaj muzikaj aŭtoritatuloj de Eŭropo, de orhestrestroj famhavaj, kiel Felix Mottl kaj Hans Richter, la du gloraj «capellmeister» de Bayreuth, de Alfred Cortot, de la mortinta Edouard Colonne, k. c., kaj ankaŭ de muzikverkistoj inter kiuj, ekster la jam nomitaj, estas citotaj Gustave Charpentier, Camille Erlanger, Alexandre Georges, Xavier Leroux, Alexandre Luigini, Georges Marty, k. c., k. c. Nia Gevaert, entuziasmigita, kreigis jam de 1900,

kurson pri kromatika harpo en la konservatorio de Bruselo (profesoro S-ro Jean Risler). De tiu tempo, la novo harpo estas instruata ankaŭ en la konservatorioj de Parizo (prof. S-ino Tassu Spencer), de Lille (prof. Fino Hordoir), de Nîmes (prof. S-ro Bonnet), de St. Etienne (prof. S-ro Gibert), de Amsterdamo, de Milano, kaj ankaŭ en la Regio Istituto musicale de Bolonjo, en la Liceo B. Marcello de Venezio (prof. S-ro Tedeschi), kc. kc.

La harpo Pleyel - Lyon estas, krom tio, jam uzata en la ĉefaj orĥestroj de Parizo (inter aliaj en la «koncertoj Colonne»), kaj de la ĉefaj urboj de Eŭropo, kaj ankaŭ en multaj teatroj, inter kiuj, la «Monnaie» de Bruselo.

Aro de junaj gevirtuozoj valorigas la novan instrumenton dum koncertoj tiom en Eŭropo kiom en Ameriko. Inter ili ni citu S-inon Wurmser-Delcourt.

S-ro Lyon, krome, donacis al la muziko novan voĉon, konstruinte en 1907 la «liutharpon» kun klavcena sono. Tiu instrumento, jam serĉita kaj antaŭvidita de J. S. Bach ,estis neniam realigita ĝis nun. La liutharpo estas nenio alia ol kromatika harpo kun ŝtalaj kordoj (anstataŭ kordoj faritaj el bestaj, precipe ŝafaj intestoj), kaj kun disduiĝanta kolono. Tiu bela instrumento konvenas mirinde por la ludado de la delikataj verkoj de l'estintaj klavcenverkistoj kiel Rameau, Couperin, Daquin, Haendel, Bach. Ĝi estis surludita je la unua fojo de F-ino Lenaerts en la ĉambrego Pleyel, dum 1907 je la okazo de akcepto de muzikverkistoj kaj artistoj rusaj, de l'majstro Saint-Saëns. Ĝi estas uzita de tiam kun granda sukceso por la ludado de verkoj de Bach, dum la koncertoj de la Schola cantorum, de Parizo, sub direkto de Majstro Vincent d'Indy; dum la koncertoj de la konservatorioj de Nancy (direktoro : Guy Roparts) ; de Lieĝo (ekdirektoro : Radoux) kc. Pli malgranda modelo de kromatika harpo kun ŝtalaj kordoj kaj lokigo speciala de la kordoj kaj kun modifita sontabulo, konstruita jam de 1899, realigis la sonkoloron deziritan de R. Wagner por la akompanado de la serenadoj de Beckmesser en la «Majstroj kantistoj». Ĝi estis uzita en la Pariza Operdomo, en la Wagner a teatro en Bayreuth, en la operoteatro de Mannheim, kaj havigis al S-ro Lyon flatigan gratulleteron de S-ino Cosima Wagner.

Ĉar la malperfekteco kaj malfacileco, kaŭzoj de malsupereco kaj de la forlaseco en kiu restadis ĝis nun la harpo, malaperis dank'al la mirinda invento de Sro Lyon, oni povas esperi, kaj eĉ, konstatante ĝian rapidan disvastiĝon, antaŭdiri al tiu bela kaj poezioplena instrumento, brilan estontecon kaj popularecon tiel grandan kiel tiu de la piano.

Ni do ne forgesu la nomon de S-ro Gustave Lyon, ĉar tiu nomo brilos estonte tiel multe kiel tiu de Sebastiano Erard kaj de Ignaco Pleyel!

L. COGEN.

# La Progresoj de Esperanto

## ESPERANTO EN LA LERNEJOJ DE ĜENEVO (Svisujo.)

Post raporto de D-ro Edmond Privat al la lernejinspektora kunsido, la registaro de Ĝeneva Respubliko kaj Kantono decidis enkonduki devigan instruadon de Esperanto en la sepa (lasta) jaro de ĉiuj unuagradoj lernejoj de post septembro 1921, kiel oficiala provo. Ĉiuj instruistoj ricevis la inviton sin prepari por tiu dato:

DOKUMENTO.

**Respubliko kaj Kantono de Ĝenevo.** 18 februaro 1921.

La Ŝtatkonsilisto, fakestro por publika instruado al Gesinjoroj Instruistoj de la kompletigaj klasoj.

Gesinjoroj,

Ni havas la honoron informi vin, ke, laŭ la propono de la Inspektora konferenco, la Fako por Publika Instruado decidis enkonduki en la kompletigaj klasoj (sepa lasta jara de l'unuagrada lernejo. Red.) devigan instruadon de Esperanto, kiel provo, dum la lernjaro 1921-1922.

Ni ne opinias necese indiki la multajn kaŭzojn, kiuj pravigas tiun paŝon en unu el la klasoj de niaj ĝenevaj lernejoj. La spertoj faritaj en anglaj lernejoj, la raportoj prezentitaj al la Ligo de Nacioj de komisiono studinta la proponon de diversregnaj delegitoj kaj montrinta la necesecon de internacia lingvo, certe ne pasis nerimarkate de vi. La fako por Publika Instruado organizos por la geinstruistoj de la sepa klaso kurson farotan de D-ro Edm. Privat por ilin pretigi al komenco de tiu instruado en septembro proksima. Kompreneble nek la sekvado de tiu kurso, nek via persona partopreno en la decidita instruado devas esti trudo. Tamen, la Fako por Publika instruado tre forte deziras, ke Esperanto en la sepa klaso povu esti instruata de la ordinaraj klasinstruistoj mem. Ĝi dediĉos specialan alpagon al tiuj el vi, kiuj ne timos entrepreni tiun novan taskon.

Mi petas, ke vi min informu antaŭ mardo proksima, ĉu vi estas preta sekvi la kurson kaj entrepreni mem la deciditan instruadon en la sepa klaso proksiman jaron. (1)

Subskribis: Ŝtatkonsilisto MUSSARD.

## ESPERANTO EN LA LERNEJOJ EN ITALUJO.

La Urbestraro de Milano nedevige enkondukis Esperanton en 25 lernejoj komunumaj, kie nun 1000 lernantoj lernas nian lingvon. En tiu urbo pli ol 1000 geinstruistoj partoprenas en la speciale por ili aranĝitaj kursoj.

Esperanto ankaŭ estas instruata en lernejoj en Trento, Venezio, Genovo, Padovo, Verono, Bologno, k.c. En ĉiuj tiuj urboj kaj aliaj okazas kursoj por geinstruistoj.

(1) Ĉiuj klasinstruistoj respondis jese. (Red.)

## LA KOMERCA ĈAMBRO DE LOCARNO (Svislando.)

La 16an de Marto 1921 tiu Komerca Ĉambro sendis leteron al la Komerca Ĉambro de Paris, por aprobi kaj laŭdi ĝian decidon, pri kiu ni raportis en nia antaŭa numero. Ĝi esperas, ke tiu decido estos sekvata de ĉiuj komercaj ĉambroj en la mondo, kaj sciigas, ke ĝi volonte korespondos en Esperanto kun ĉiuj alilingvaj institucioj kaj firmoj. Ĝi dezirege atendas la ĝeneralan uzadon de Esperanto por la internaciaj rilatoj.

## LA FINNLANDA PARLAMENTO VOĈDONIS SUBVENCION DE 25.000 MARKOJ POR ESPERANTO.

La revuo «Esperanta Finnlando» raportas pri tre interesa diskutado, kiu okazis la 2an de marto en la Finna Parlamento, okaze de propono por enskribo de helpmono de 25.000 markoj por subteni la agadon de la Finnlanda Esperanto Asocio. Sinsekve parolis pri tiu propono dekkvar deputitoj kaj fine la parlamento akceptis la proponon.

Ni plej kore gratulas niajn amikojn en Finnlando, pro la akirita rezultato, kiu estas pruvo de la taŭgeco de ilia ĝisnuna laborado kaj plej ĝojiga kuraĝigo por ilia estonta klopodado.

Sed tiu fakto estas ankaŭ plej grava instigilo al la alilandaj propagandistoj, por ke ili laŭeble ekzamenu la eblecon atingi tian saman oficialigon de nia movado en sia lando.

## LA Xa INTERNACIA KONFERENCO DE LA RUĜA KRUCO KAJ ESPERANTO.

La X-a Internacia Konferenco de la Ruĝa Kruco okazis en Genève de la 30a de Marto ĝis la 7a de Aprilo. Laŭ propono de la ĉina delegito S-ro D-ro Wong, subtenata de la delegitoj serba, germana, pola kaj svisa, ĝi akceptis en sia plenkunsido de 7a de Aprilo jenan rezolucion:

« Konsiderante, ke la malfacileco de la lingvoj malhelpas sufiĉamaniere la realigon de la internacia idealo de l'Ruĝa Kruco, ĉu en la laboro de helpo sur la batalkampoj, ĉu en tiu de la militkaptitoj, ĉu eĉ en la kongresoj de la Ruĝa Kruco,

» la X-a Konferenco invitas ĉiujn organizaĵojn de la Ruĝa kruco favorigi la lernadon de la helplingvo Esperanto inter siaj membroj, precipe inter la junulaj sekcioj, kiel unu el la plej potencaj rimedoj de internacia interkonsento kaj kunlaboro en la afero de l'Ruĝa Kruco.»

---

## XIIIa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN PRAHA (Ĉeĥoslovakujo) de 31a julio ĝis 6a de aŭgusto 1921.

**7a kaj 8a komunikoj:**

**Komitato:** Eksiĝis S-ro Bouŝka.

**Kotizaĵo.** — Vidu «B. E.» paĝo 21.

**Garantia Fundo.** — Vidu B. E. paĝo 22. Ĝis nun garantiis 17 samideanoj. Sumo atingita: 2500 Kr. ĉ. sl. kaj 500 Ned. guld.

**Donacoj.** — Proksimume 35 donacoj kun tuta sumo de prok. 21000 Kr. ĉ. sl.

**Kongresa Kaso.** — Donaco de 50 ekz. «Esperanto Triumfonta»: 63 kr.

**Fakaj Kunvenoj.** — Vidu B. E. paĝo 22. Por Virinoj: F-ino Nesmerakova, instruistino; por Ĉastemuloj: S-ro Roskes, Hago.

**Aliĝoj.** — La nombro atingas ĝis nun 405.

**Deponado de mono.** — Vidu B. E. paĝo 22.

**Vojaĝaferoj.** — Vidu B. E. paĝo 22. — Pri la prezoj de la fervojaj biletoj oni skribu al nia Redakcio.

**Restado en Praha.** — **Nunaj prezo.** — **Hotelĉambroj** : 1a kategorio, unulita 10—37 Kr.; dua provizora lito 10 — 20 Kr.; dulita 25 — 77 Kr.; 2a kategorio, 10 — 29 Kr.; 10 Kr.; 26 — 50 Kr.

Oni intencas prizorgi ankaŭ loĝadon en privataj familioj kaj komunaj loĝejoj (por neriĉaj Esperantistoj). Notu viajn tiurilatajn dezirojn en la de la Kongresa Loka Komitato sendota aliĝilo.

MANĜAĴOJ. — 1a kategorio, a) matenmanĝo (kafo aŭ teo kun butero aŭ kompoto, pano aŭ bulko 10 — 15 Kr.; b) tagmanĝo, inter la 12 — 14 h. (à la carte) buljono, fiŝo aŭ bovaĵo, rostaĵo kun farunbuloj aŭ terpomoj, farunaĵo 45 — 75 kr.; c) vespermanĝo à la carte (antaŭmanĝaĵo kaj rostaĵo) 25 — 65 kr.

2a kategorio: a) 5 — 7 kr.; 33 — 37 kr.; c) 25 Kr. Krom tio trinkmono almenaŭ 10 %. En restoracio bonaj tag- kaj vespermanĝoj po 10 — 20 kr. Tre bongustaj kaj malmultekostaj estas la kolbasetoj kaj ŝinko de Praha. Biero 1/2 l. 1.30 kr. — 2.30 kr.

**Glumarkoj oficialaj.** — 3 malsamaj specoj dukoloraj ĵus aperis. 100 markoj: 3 frankojn aŭ egalvaloran valuton sendotan en rekomendita letero. Mendu rapide!

**Pasportoj.** — Por la veturo al Praha kaj reveno estas necesa pasporto, pretigita de la policestrejo aŭ alia kompetenta ŝtata oficejo, visita de la ĉeĥoslovaka ambasadorejo aŭ konsulejo kaj de la konsuloj de ĉiuj traveturotaj ŝtatoj.

**Adreso** por aliĝoj prikongresa korespondado: August Pitlik, Nerudova 40, Praha III.

**Korespondado.** — Gesamideanoj, Legu atente la ĝisnunaj oficialajn komunikojn. Ne demandu pri la komunikitaĵoj. Ne malriĉigu la kongresan kason forgesante aldoni por respondo aŭ respondkuponon aŭ neuzitajn naciajn poŝtmarkojn. Demandu nur pri aferoj rilatantaj al la XIIIa.

## DEKLARACIO DE LA ESPERANTISTA AKADEMIO, Decembro 1920

**(Daŭrigo kaj fino.)**

SEKCIO POR LA KOMUNA VORTARO. — UNUA CIRKULERO.

Karaj Kolegoj,

Du semajnojn antaŭ la eksplodo de la milito, kiu interrompis nian laboradon, S-ro Prof. CART oficiale proponis al la ekzameno de la L. K. kelkajn demandojn, pri kiuj mi nun petas vian respondon.

1. — Ĉu ne estas akceptinda, eĉ eble konsilinda, la uzado de k, anstataŭ h, en ĉiuj radikoj, kiuj ne apartenas al la Fundamento?

2. — En la internaciaj vortoj finiĝantaj per oid, ĉu vi opinias la internacian formon oid pli taŭga ol la formon ojd?

(La Direktoro de la Sekcio por la Teknika Vortaro, kiun la demando ankaŭ koncernas, ĉar multaj tiaj vortoj estas pure teknikaj, konsilas la uzadon de oid prefere al ojd.)

La elekto pri la dubaj formoj: komisiono, budĝeto, tuberkulozo k. t. p., estos proponata al vi per la 3-a Aldono mem.

* * *

Prepara listo por la 3-a Oficiala Aldono estos sendata al la ekzameno de la L. K. en la komenco de la jaro 1921.

Tuj post la definitiva starigo de la 3-a Aldono, la Akademio publikigos plenan Radikaron enhavantan kune kun la radikoj de la Universala Vortaro tiujn de la tri oficialaj adonoj.

Poste ĝi zorgos kun helpo de la L. K. pri la diverslingva traduko de la oficialaj radikoj, aldonante al la lingvoj de la U. V., se eble, la hispanan, italan kaj svedan aŭ danan lingvojn.

Tiuj tradukoj ebligos la starigon de plena vortaro kun esperanta difino, kiu estas unu el la plej gravaj taskoj de la Lingvaj Institucioj.

* * *

Ni devas ankaŭ jam nun pripensi pri aliaj laboroj kaj esploroj, kiujn la L. K. entreprenos post la starigo de la 3-a Aldono. Mi do proponas al via aprobo la jenon: En ĉiu aparta lando la L. K-anoj, kunlaborante kun samlingvaj kompetentuloj, starigu el sia propra nacia lingvo liston, kiu iom post iom plilongiĝos kaj plipleniĝos: 1) da proverboj; 2) da ofte uzataj komparoj kaj metaforoj; 3) da apartaj naciaĵoj kaj idiotismoj.

Flanke de ĉiu frazo aŭ esprimo oni metu: A) Esperantan laŭsencan precizan tradukon; B) Esperantan metaforan tradukon, kiun oni juĝos internacie ĝenerale komprenebla. (Se tia metafora kaj bilda traduko estas jam farita de Zamenhof aŭ de alia esperantista verkinto, oni kompreble simple prenos ĝin, citante la aŭtoron; C) se eble tradukojn en ceterajn naciajn lingvojn.

La finitajn partojn de tiuj listoj oni komuniku al la sekcio pri komuna lingvo, kiu prezentos ilin al la ekzameno de alilingvaj komitatanoj, por certiĝi pri la internacia aŭ almenaŭ tre ĝenerala komprenebleco de la proponitaj metaforaj esperantaj tradukoj.

Neniu alia laboro povus, laŭ mia opinio, esti tiel utila, ol tiu ĉi, por nia lingvo, kies esprimkapablon ĝi multe pligrandigus kaj plidelikatigus. Kelkaj spertaj Esperantistoj jam komencis propriniciate kaj private tian esploron, sed mi insistas pri la neceseco de internacia ekzameno kaj kritiko post la laŭnacia prepara laboro.

Mi petas miajn kolegojn, ke ili bonvolu sendi sian respondon al la demandoj No 1 kaj 2 kaj al la supra propono antaŭ la 31-a de Marto 1921.

La Direktoro de la Akademia Sekcio por la Komuna Vortaro,
E. GROSJEAN - MAUPIN.

La respondojn oni adresu: Al S-ro Direktoro por la Komuna Vortaro Esperantista Akademio, Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris, 9a.

## SEKCIO POR LA SCIENCA KAJ TEKNIKA VORTARO. — UNUA CIRKULERO.

Karaj Kolegoj,

En la lasta tempo oni tre kritikis la Akademion. Elokventaj riproĉantoj, eble iom forgesante la malfacilajn cirkonstancojn de la ĵus pasintaj jaroj, eĉ kulpigis ĝin pri nenionfarado.

Aparte oni plendadis pri manko de teknikaj vortaroj, kies bezono fariĝas ĉiutage pli granda pro la ĉiam kreskanta uzado de Esperanto en la praktika vivo.

La ellaborado de teknikaj vortaroj jam estas malnova demando, kiu de pli ol dek jaroj komencis ricevi solvon, sed bedaŭrinde nur «komencis» ĝin ricevi. S-ro de Saussure, antaŭa direktoro de la akademia sekcio por la scienca kaj teknika vortaro, ja forlasis post kelkaj monatoj tiun gravan entreprenon, por sin direkti al aliaj celoj.

Ankaŭ la monda milito disigis la kunlaborantojn, malaperigis multajn, kaj neebligis ĉian reorganizon.

1. ALVOKO AL KUNLABORANTOJ. — Dankante sian antaŭulon pro la fervore komencita laboro, la nova direktoro plene konscias, ke li mem sola povas fari preskaŭ nenion kaj ke tia grandega tasko, kiel la ellaborado de teknikaj vortaroj, povas plenumiĝi nur per sindona kaj konstanta kunlaborado de tre multaj samideanoj, apartenantaj al diversaj lingvoj kaj teknike kompetentaj en ĉiu fako.

Tial li insiste petas ĉiujn Esperantistojn pretajn kunlabori en unu aŭ kelkaj fakoj, ke ili bonvolu sendi kiel eble plej baldaŭ sian nomon kaj adreson kun informo pri la sciataj lingvoj kaj prilaboreblaj fakoj. Ĉiu homo estas pli malpli kompetenta en kelkaj fakoj, eĉ kiam lia metio aŭ profesio ne apartenas al tiuj fakoj. Preskaŭ ĉiuj Esperantistoj do povas kunhelpi al la prilaborado de teknikaj vortaroj. Se nur venos tiom da efektivaj helpantoj, kiom estis da teoriaj kritikantoj, tiam la afero de teknikaj vortaroj staros jam sur bona vojo kaj irados tute bone kaj rapide!

2. PLANO DE LABORO. — En la februara numero 1908 de «Internacia Scienca Revuo , S-ro de Saussure prezentis planon de laboro laŭ la jam pretaj dividoj de la decimala klasado. Ĉiuj interesataj samideanoj bonvolu ankaŭ proponi tion,kion ili opinias plej bona pri organizo kaj labormetodo. Post zorga esploro de la ideoj de sia antaŭulo kaj de ĉiuj bonvolaj kunlaborantoj, la nova direktoro starigos definitivan planon kaj kiel eble plej rapide transiros al ĝia efektivigo.

La Direktoro de la Akademia Sekcio por la Scienca kaj Teknika Vortaro

D-ro PIERRE CORRET.

La leterojn oni adresu: Al S-ro Direktoro por la Scienca kaj Teknika Vortaro, Esperantista Akademio, Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris, 9e.

---

## GERMANA GENERALO KAJ BELGA PASTRO.

Dum la tagmanĝo la generalo devigis lin sidiĝi ĉe la tablon inter la estro de ardena vilaĝo estis arestita kiel garantiulo kaj kondukita en kastelon okupatan de unu generalo kun kelkaj oficiroj.

Dum la tagmanĝo la geenralo devigis lin sidiĝi ĉe la tablon inter la oficiroj, kiuj ekamuzis sin moke paroladante kun la maljuna pastro. Sed tiu ĉi ĉiam tre sprite respondis per eltiraĵoj el Evangelio, kaj la generalo mem miris kaj ridis pro lia spriteco.

Subite bruego aŭdiĝis en la korto, kaj dika porko persekutata de soldatoj, kiu tute ne deziris esti enkolbasigita, rifuĝis sin apud la oficiroj, kvazaŭ petante helpon. Sed ĉi tiuj ĝin tuj forpelis per piedaj batoj.

Pro tio la generalo ekridegis kaj demandis la paroĥestron, ĉu li konas ian evangelian elĉerpaĵon rilatantan al la ĵus okazinta sceneto.

— Jes! respondis la pastro.

— Diru tuj! Scivoleme ordonis la generalo.

Kaj, ne ŝanceliĝante eĉ unu momenton, la belga pastro respondis:

— «In propria venit et sui eum non receperunt». (Ĝi venis ĉe la siajn, kaj ili ĝin ne ricevis.) ARDENANO.

---

# Diversaj Komunikoj

**KONGRESO POR LA ORGANIZO DE LA INTELEKTA LABORO.**

Laŭ iniciato de la Unuiĝo de l'internaciaj asocioj okazos nunjare «Tutmonda Kongreso por la organizo de la intelekta laboro».

Ĝi okazos la 20an, 21an kaj 22an de augusto proksima kaj ĝin ĉefe okupos la studo pri la nunaj vivkondiĉoj de la intelekteco kaj de la intelektuloj. Samtempe komenciĝos la dua kunsidaro de la Internacia Universitato, kiu daŭros ĝis la 15a de septembro. Aliaj kongresoj estos organizataj dum tiu sama periodo. Ĉiuj tiuj kunvenoj kaj kongresoj trovos lokon en Bruselo, en la «Monda Palacoŝ, kiun la belga registaro afable metas je la dispono de la Unuiĝo de l'internaciaj asocioj.

**LA INTERNACIA UNIVERSITATO. — Sidejo: Monda Palaco, Bruselo**

La Konsilantaro de la Internacia Universitato kunvenis en Bruselo la 24an kaj 25an de marto. Ĝi notis komunikaĵojn senditaj de la universitatoj en Zürich, Lisboa, Praha, Bristol, Kjobenhavn, Leiden, Liverpool, Tokio, Warszawa, Cambridge, k.c..

Ĝi definitive decidis pri la dato kaj daŭro de la dua kunsidaro de la Universitato, kiu okazos de la 20a de aŭgusto ĝis la 15a de septembro en la sidejo de la Universitato. La ellaborita programo citas la kunhelpon de 80 diversnaciaj profesoroj, kiuj faros proksimume 300 lecionojn. Universitata rondvojaĝo estos organizata, kiu donos al ĉiu studento la okazon por viziti unuope aŭ grupe la de li elektitajn fremdajn universitatojn.

La Konsilantaro de la Internacia Universitato nun konsistas el : S-roj Altamira (Madrid), Appleton (Lyon), Boillot (Bristol), Fueter (Zürich), Jonesco (Bucureŝt), La Fontaine, Paul Otlet (Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj), Smets (Bruxelles), Tille (Praha), Volterra (Roma).

**GRAVAJ INFORMOJ PRI BRAZILIO.**

**Al ĉiuj komercistoj, industriistoj kaj kolektantoj.**

La brazila registaro decidis solene festi la 1an centjaran datrevenon

de la nacia sendependeco, efektivigante en Rio de Janeiro, dum la monatoj septembro, oktobro kaj novembro 1922, grandegan nacian Ekspozicion pri komerco, industrio, transportoj, kutimoj, k.t.p. La Agada Komitato de tiu ĉi Ekspozicio disdonos kaj dissendos, al ĉiuj kiuj ilin petos, fotografaĵojn, poŝtkartojn, prospektojn kaj statistikajn informojn, kiel propagandon de la Ekspozicio kaj de la brazilaj produktaĵoj, naturaj belaĵoj, k.t.p.

Jes estas do bonega okazo por montri la disvastiĝon de Esperanto tra la mondo.

Ĉiu, kiu deziras ricevi tiajn sendotaĵojn tuj skribu en Esperanto al tiu Komitato petante ilin.

Oni preskaŭ povas garanti ke, se la Komitato ricevos grandan nombron de tiaj petoj, ĝi decidos uzi Esperanton por la reklamo de la Ekspozicio.

Estas tre ĝojige, ke la Ĝenerala Sekretario de tiu Komitato estas la malnova esperantisto S-ro J. B. Mello e Souza, ankaŭ Ĝenerala Sekretario de Brazila Ligo Esperantista.

Adresu vian peton al: Commissao Executiva do Centenario, Bibliotheca Nacional, Rio de Janeiro, Brazilio.

## INSTITUTO DE SOCIOGRAFIO.

REGULARO. — La Instituto de Sociografio, fondita je la 1a de januaro de 1921 en la urbo Fortalezo, Cearao, Brazilio, estas societo por la lernado kaj instruado de la sociaj sciencoj per Esperanta lingvo.

La celoj de la Instituto de Sociografio estas la jenaj:

1. — Studi la socian vivadon.
2. — Disvastigi la sciencajn konojn, kiuj celas la plibonigon de la homa vivo.
3. — Instrui la internacian helpan lingvon Esperanto.
4. — Reprezenti en tiu ĉi Ŝtato la Esperantan gazetaron, la socian gazetaron france, portugale, hispane, katalune kaj itale, bibliotekojn, lernejojn kaj aliajn sociajn instituciojn.
5. — Korespondadi kun la gesamideanoj de la tuta mondo pri la sociaj fenomenoj, la ĉiunaciaj historio kaj geografio, la religioj, la lingvoj, la homaj rasoj, la internacia socia movado, kaj la intelekta, estetika, morala kaj fizika edukado de la infanaro.

La Instituto de Sociografio havos reprezentantojn en ĉiuj landoj.

La Instituto de Sociografio eldonos oficialan organon sub la titolo «La Sociografio».

Provizora adreso: P-ro MOACYR CAMINHA, Boulevard Nogueira Accioly, Fortaleza, Ceara, Brazilio.

## ESPERANTO KAJ LA KNABOSKOLTOJ.

Gesamideanoj,

Ĉu vi scias kio estas knaboskolto?

Oni nomis lin la «amiketo de la tuta mondo». Li devas fari almenaŭ unu bonan agon ĉiutage. Li lernas esti utila, sendifekta. Li lernas kuiri, li lernas bandaĝi la vunditojn kaj flegi la malsanulojn. Ankaŭ li iĝas bonsana per ofta vivado en plenaero.

De kie venis la knaboskolto?

Skoltismon elpensis la bonekonata Sir Robert Baden-Powell el Anglujo en la jaro 1908, kaj nun ekzistas pli ol 1.000.000 da skoltoj tra la mondo.

Jen, Gesinjoroj, estas nia nova propagandodevo. La junuloj hodiaŭaj estos morgaŭ la viroj. Instruu ĉi-tiujn junulojn hodiaŭ (kaj la skoltaro enhavas la plej inteligentajn el la junuloj de la mondo) kaj tutmonda paco komencos realiĝi.

La Skoltestroj de Belgujo ĵus interesiĝas pri nia kara lingvo kaj mi petas al vi: helpu, laboru, instruu.

Skolta Esperantista Ligo estas internacia afero, kun Centra Oficejo en London kaj Agentoj en 17 diversaj landoj.

Por Belgujo, la Agento estas, provizore, S-ro Jos. Hérion, Juvelisto, U. E. A. Vic-delegito, Sekretario de Esperantista Grupo Verviers, rue des Raines, Verviers, kiu volonte helpos vin.

Vi povas helpi la aferon de Esperanto dumaniere:

1) Promesu al S-ro Hérion gvidi esperantan kurson por skoltoj en via hejmurbo.

2) Sendu monhelpon al mi por la plua disvastigo de Esperanto inter la Skoltoj kaj fariĝu membro de nia Ligo.

K. GRAHAM THOMSON,
40, Ooklands Road, Bexleyheath.
KENT (Anglujo).
Propaganda Fakestro de S. E. L.

## ALVOKO AL LA SPIRITISTOJ.

Karaj samcelanoj,

Por plifaciligi la unuan interkonatiĝon de mi kaj de miaj korespondantoj pri psikaj aferoj, mi uzas la formon de ĉi tiu cirkulero por komuniki al miaj novaj amikoj la unuajn necesaĵojn.

1. — Mi ne estas sperta fakulo, sed mi serioze kaj profunde interesiĝas pri la psikaj aferoj, kies signifon mi ŝatas tiom, ke mi neniel hezitas por mia persono proklami opinion, ke la disvastigo de la scioj, rezultantaj el la serioza studado de nia fako, gvidos al pli bona vivkompreno de l'homoj, sekve al plibonigo de la tuta homaro. Helpi iel al tiu nobla celo, per miaj etaj fortoj — jen mia varma deziro!

2. — Laŭ mia opinio ĉiu, kiu serioze okupiĝas per niaj studadoj, sentas gravan bezonon de alproksimiĝo kun ĉiuj samfakuloj! Tiu, kiu estas ano de granda nacio, ne sentas tion tiom forte, ĉar li trovas sufiĉe da kolegoj inter siaj samlandanoj, li trovas vastan literaturon en sia lingvo skribitan k.t.p. Sed mi petas, ke eĉ la anoj de la grandaj nacioj ekmemoru, ke ekzistas ankaŭ nacioj malgrandaj, inter kiuj ĉie vivas aro, areto de homoj, kiuj serĉas la Veron, kiuj serĉas konstante kaj diligente, kvankam ili ne havas tiom da bonaj helpiloj kiel iliaj pli feliĉaj kolegoj grandnacianoj!... Esplorantoj de la tuta mondo, aŭdu! Kuniĝu!! Helpu unu la aliajn!!

3. — Laŭ mia opinio estas eble tuj ekfunciigi Universalan centran redakcion por psikaj aferoj, kiu en ĉiuj landoj havus siajn informant-

ojn. Tiuj informantoj detale informados la UCR pri ĉiuj gravaj okazintaĵoj fakaj, ankaŭ pri la faka gazetaro kt.p., UCR redaktos simplan bultenon, kiu estos dissendata al la informantoj kiuj informados sialandan fakan eĉ nefakan gazetaron. La projekto estas efektivigebla nur per esperanto kaj mi mem, se neniu alia, estus preta efektivigi ĝin.

4. — Ĉe la XIII. Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en Aŭgusto 21 ĉe ni en Praha, mi starigis Psikistan (Spritualistan) Sekcion kaj mi estas preta informi ĉiujn interesulojn pri ĉio ajn!

5. — Por mi estas ĉiu afero rilatanta iel al nia fako interesa kaj mi petas, ke oni informu min detale pri ĉio inda, ke oni proponu al mi konstantan kunlaboradon, ke oni publikigu mian projekton en faka sialanda gazetaro, ke oni sendu al mi bildojn, fotografaĵojn, gazetspecimenojn k.t.p. Rekompence mi emas detale informi ĉiun pri la stato de nia faka esplorado en Respubliko Ĉeĥoslovaka!

Kun amo ni serĉu la Veron!

O. SKLENĈKA, Delegito de U. E. A.,
HRADEC-KRALOVE (Ĉeĥoslovakujo).

---

# Bibliografio

«Belga Esperantisto» nur recenzas la verkojn de kiuj oni sendis du ekzemplerojn. Adreso: Kleine Beerstraat, 45, Antverpeno.

La legantoj povas ankaŭ mendi la recenzitajn librojn ĉe tiu sama adreso, kunsendante la monon per poŝtmarkoj aŭ prefere per poŝtĉeko (konto Frans Schoofs: N° 284.20).

---

ESPERANTISTA DOKUMENTARO PRI LA HISTORIAJ, BIBLIOGRAFIAJ KAJ STATISTIKAJ AFEROJ. Eldonita de Esp. Centra Oficejo: 51 rue de Clichy, Paris (9e).

**Kajero trideka (Julio 1919).** Sekcio B: Lingva Komitato-Komisio pri komuna vortaro. Dua oficiala aldono al universala vortaro. 16 paĝoj 24 × 15 cm. Prezo Fr. 1.50.

**Kajero dudek-oka (Decembro 1915).** Sekcio A: Kongresaj Dokumentoj kaj raportoj pri la Deka Universala Kongreso de Esperanto, Parizo 2 — 9 Augusto 1914. 132 paĝoj 24 × 15 cm. — Kun nomaro kaj adresaro de la 3739 kongresanoj. 96 paĝoj. Prezo: Fr. 3.50.

**Kajero dudek-naŭa (Decembro 1917).** Sekcio A: Kongresaj Dokumentoj kaj raportoj pri la Dekunua Universala Kongreso de Esperanto, San Francisko 22-29 Aŭg. 1915. 48 paĝoj 24 × 15 cm. Prezo: Fr. 2.—.

**Oficiala Gazeto Esperantista.** — 8a Volumo. N° 1-2 (78-79) 25 Januaro 1921. Enhavo: Lingva komitato. — Eksigo de S-ro de Saussure. Elekto de Prezidanto, vic-prezidantoj kaj Sekciaj Direktoroj. Du Konsiloj al la Esperantistoj. Deklaracio de la Akademio. Unua cirkulero de la Sekcio por komuna vortaro. Unua cirkulero de la Sekcio por Scienca kaj Teknika vortaro. — Konstanta Komitato de la Kongresoj.

— Konsisto de la Komitato ĝis 13a Kongreso. Dekdua kongreso: Preparaj Dokumentoj, Oficiala Protokolaro, Aldonoj al la Protokolaro. — Dektria Kongreso: Komunikoj de la Loka Komitato. 72 paĝoj 24 × 15 cm. Prezo: Fr. 2.—.

BROKKEN UIT DE GESCHIEDENIS DER WERELDTAAL door **Oscar Van Schoor.** — Julinummer 1920 van het maandschrift «Verhandelingen van de Algemeene Katholieke Vlaamsche Hoogeschooluitbreiding», 44 Korte Nieuwstraat, Antwerpen. 80 paĝoj 20 × 13 1/2 cm. — Prezo Fr. 0.75.

Bonega ilo por la propagando kaj samtempe utila dokumento pri la historio de la lingvo internacia kaj precipe pri Esperanto. Ni kore gratulas nian malnovan amikon kaj kunklopodanton Van Schoor pro lia bona kaj sendube fruktodona laboro.

KONDIĈOJ DE LA ARMISTICO, Novembro 1918, en angla kaj Esparanta lingvoj. Tiun ĉi dokumenton eldonis la B. E. A. Literatura kaj Debata Societo por elmontri la taŭgecon de Esperanto por gravaj internaciaj aferoj. La oficiala angla teksto (kiel ĝi aperis en la ĵurnaloj) estas prezentita, kune kun Esperanta traduko. Aĉetebla ĉe Brita Esperanto-Asocio, 17 Hart Street, London W. C. 1, po 40 sd. por 12, aŭ sm. 2.50 por 100 afrankite.

UNE LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE. L'ESPERANTO, par Charles Richet, membre de l'Institut, avec note annexe sur le mouvement espérantiste avant la guerre et depuis 1914, par M. le **général Sebert,** membre de l'Institut. 32 paĝoj, 27 1/2 × 22 cm. — Prezo: 1.—.

Teksto de la brila parolado farita la 13an de Marto 1920a de S-ro Charles Richet en la Soc d'Encouragement pour l'Industrie Nationale, 44 rue de Rennes, Paris (6e).

ELDONAĴOJ DE LA SOCIETO DE L'AMIKOJ DE ESPERANTO, 51, rue de Clichy, Paris (9e):

No 1. — **Le Problème de la Langue Internationale** par E. Boirac, Recteur de l'Académie de Dijon, Extrait de la Revue Pédagogique du 15-1-1911. 2a Eldono. 16 paĝoj 25 × 16 cm. Prezo: Fr. 0.25.

Nr 2. — **Pourquoi les postiers doivent apprendre l'Espéranto** par Gabriel Chavet, 2a Eldono, 38 paĝoj 25 × 16. Prezo: Fr. 0.45.

No 3. — **Une langue vivante artificielle** (Commentaire de l'Espéranto) par Cam. Aymonnier, 62 paĝoj, 24 × 16 cm. — Prezo: Fr. 2.25.

No 6. — **La plus forte garantie de la Société des Nations.** — **Une Langue Internationale** par M. Rollet de l'Isle. 16 paĝoj 21 1/2 × 13 1/2. Prezo: Fr. 0.60.

No 7. — **Kontrakto de la Ligo de Nacioj.** — Covenant of te League of Nations. — Pacte de la Société des Nations.

Trilingva eldono de la kontrakto. La Esperanta traduko estas prizorgita de S-roj Daniel Eyquem, E. Grosjean-Maupin kaj W. M. Page. 32 paĝoj 24 × 16 cm. Prezo: Fr. 3.—.

LA BULGARA LANDO KAJ POPOLO kun etnografia karto originale verkita de Ivan H. Krestanov. No 1 de la IIa Serio de Bulgara

EL LA PROKSIMA ORIENTO (de Ukrajnio ĝis Georgio) kun etnografia karto de Ivan H. Krestanov. No 2 de la IIa serio de Bulgara Esperanto Bibiloteko. 68 paĝoj 20 1/2 × 13 1/2 cm. Prezo: Fr. 3.—. Tiuj du libroj estas ege interesaj laŭ historia kaj geografia vidpunktoj. La sciemaj samideanoj kun ĝuo legos ilin. — Por la lingva kaj stila taŭgeco garantias la nomo nur de nia malnova samideano Krestanov.

«A COMMON COMMERCIAL LANGUAGE». — An address by Mr. A. Barton Kent, to the members of the London Chamber of Commerce and Others. Eldonita Londona Komerca Ĉambro, Oxford Court & 97 Cannon Street, London E. C. 4. — 16 paĝoj 21 1/2 × 13 1/2 cm. — Prezo: 3 pencoj.

Angla Parolado pri Esperanto farita la 31an de Majo 1918 antaŭ la citita komerca Ĉambro. Bonega propandilo por varbi inter la komercistaro.

UNE LANGUE COMMERCIALE COMMUNE. — Conférence faite par Mr. A. Barton Kent aux membres de la Chambre de Commerce de Londres et autres personnalités le vendredi 31 mars 1918. — Eldonis Societo de Amikoj de Esperanto, 51 rue de Clichy, Paris (9e). — 20 paĝoj 23 1/2 × 15 1/2 cm. Prezo: Fr. 0.60.

Franca traduko de la ĉi antaŭe citita parolado, aranĝita de S-roj Grosjean-Maupin kaj E. Sayer.

TO THE ALLIES. AN APPEAL TO PATRIOTISM AND COMMON SENSE. — For the advancement of International Trade and National Economies. Third Edition. Published for The Common Commercial Language committee by S. R. Marshall, Ludgate Circus, London E. C. 4 (c/o Thos. Cook & Son).

8 paĝa cirkulero obtenebla ĉe ĉi supra adreso.

BILDOTABULOJ POR LA INSTRUADO DE ESPERANTO, 35 bildoj kun klariganta teksto,ekzercoj,ekzemploj, kaj gravaj adonoj (Fundamanta gramatiko kaj Ekzercaro de D-ro Zamenhof, monsistemaj tabeloj kaj Esperantaj Dokumentoj). De Prof. D-ro Joh. Dietterle, direktoro de la ŝtata Saksa Esperanto-Insituto en Leipzig, laŭ lingva instruado Thora Goldschmidt sur la fundamento de bildotabuloj. — Eldonis Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig, 1919. 104 paĝoj 26 1/2 × 20 1/2 cm. Tole bindita. Prezo: Mk. 6.— + 100 %.

Speciale rekomendinda lernolibro por infanaj kursoj. Enhavas grandegan kvanton de ellernotaj vortoj, kaj multajn dialogojn kaj demandojn kiuj helpas plej efike la instruantojn kaj kondukas la lernantojn al plena kono de nia lingvo.

ELEKTITAJ POEMOJ DE HEINRICH HEINE tradukitaj de **Friedrich Pillath.** — Eldonis Friedrich Ellersiek, Wissmannstr. 46, Berlin S. 59. — 1914. — 36 paĝoj 16 × 12 cm. Prezo: Mk. 1.50 + 100 %.

Kolekto de dek kvin belaj poezioj bonege tradukitaj. La libro estas

plej zorge eldonita kaj meritas lokon en la biblioteko de ĉiu Esperantisto.

OU EN EST LA QUESTION DE LA LANGUE INTERNATIONALE (**Solution pratique**) verkita de **E. Adam**, kun antaŭparolo de Fanny Clar. Mendebla ĉe la aŭtoro: 24 Boulevard Beaumarchais, Paris, (11e). — 32 paĝa broŝuro 19 × 12 1/2 cm. — Prezo: 50 centimojn.

HANDBOOK OF THE CHURCH ESPERANTIST LEAGUE (La Eklezia Esperantista Ligo). Eldonita de nomita Ligo: Adreso: Farnley Tyas Vicarage, Huddersfield (Anglujo), 12 paĝoj 22 × 14 cm. — Prezo: 4 pencoj.

Tre efike redaktita broŝuro en angla lingvo. Ĝi enhavas klarigon de la tuta programo de la ligo Eklezia, kiu konsistas el: Enkonduki Esperanton en la servo de la religio, Pliigi la Influon de l'Eklezio per Esperanto, Favorigi la literaturon de la internacia lingvo.

ELDONAĴOJ DE LA EKLEZIA ESPERANTISTA LIGO. — Adreso: Farnley Tyas Vicarage, Huddersfield, Anglujo.

**La Libro de Komuna Preĝo, kajero unua,** enhavanta: La ordo de matena Preĝo; La ordo de vespera Preĝo; Ĉe matena Preĝo; La Litanio. 28 paĝoj 19 × 13 cm. Prezo: 8 1/2 pencoj.

**La Libro de Komuno Preĝo, kajero dua,** enhavanta: La ordo por la administrado de la Vespermanĝo de la Sinjoro, aŭ Sankta Komunio; La administrado de publika bapto de 'Infanoj (komenco). 20 paĝoj 19 × 13 cm. — Prezo: 8 1/2 pencoj.

**La Ordo de vespera Preĝo,** 8 paĝoj, 19 × 13.

**Preĝoj por la membroj de la Eklezia Esp. Ligo.** 10 paĝoj. 12 × 9 cm. Prezo: 2 pencoj.

**Himnaro,** unua kolekto; 8 himnoj: Sanka, Sankta, Sankta!; Dio, laŭ kies vort'; Lumo ĉiela; Ĝojiga Lumo; Himno Vespera; Patro-altul' ĉeestu; En Reĝa stat' kunvenas; Veni Creator: 6 paĝoj 24 × 15 1/2 cm. Prezo: 3 1/2 pencoj.

**EPARĤIA MUZIKO POR VULGARA KANTADO No 3** redaktita de Royle Shore. Antikva kanto Ebena por la Sankta Komunio: Kyrie Eleison, Gloria, Credo, Dominus Vosbiscum, Sanctus, Benedictus, Agnus Dei, Pater Noster, Gloria in Exelsis. — 8 paĝoj, 21 × 13 1/2 cm. — Prezo: 3 1/2 pencoj.

Ĉi supraj eldonaĉoj estas sendube plej taŭga materialo por montri la utilon kaj uzeblecon de Esperanto en la kristane-religiaj rondoj.

CARTE POLITIQUE DE L'EUROPE, skalo 1 : 10.000.000. Dua eldono. Art. Institut Orell Füssli, Zürich. 58 × 48 cm., faldita; Prezo: Fr. svis. 1.50.

Tiu france redaktita karto montras la novan situacion de la diversaj nacioj en Eŭropo kaj malgranda Azio laŭ la novaj limreguligoj postmilitaj. Tiu karto havas specialan intereson pro tio, ke ĝi per speciala kolorigo ankaŭ montras la antaŭmilitajn limojn de la landoj.

ESPERANTO FOR THE BLIND angle verkita de H. E. Board, Eldonita de Eklezia Esp. Ligo. Havebla ĉe Brita Esp. Asocio, 17 Hart Street, London, W. C. 1. — 8 paĝoj 18 1/2 × 12 1/2 cm. Prezo nemontrita.

Raporto legita antaŭ kunveno okazinta la 20an de Majo 1919 en la «National Library for the Blind» London. La aŭtoro montras ĉion kion Esperanto jam faris por la Blinduloj ĉiulandaj kaj la grandegan utilon atingotan de la ĝenerala uzo de nia lingvo de tiu interesega klaso de homoj en la tuta mondo.

DEN MODERNE FORRETNINGSMAND KORRESPONDERER PAA ESPERANTO (La moderna komercisto korespondas en Esperanto).

Danlingva propaganda broŝuro (12 paĝoj 22 1/2 × 14 cm.) eldonita de Centra Dana Esperantista Ligo. Kopenhago.

POR LA RAJTO DE GERMAN-AŬSTRUJO, speciala pledo, kies titolon sufiĉe konigas la celadon (20 paĝa broŝuro 23 1/2 × 15 1/2 cm) senpage sendota al ĉiu kiu petos ĝin de «Propagandastelle für Deutsch-Oesterreichs Recht, Herrengasse 7, Wien I.

PRI ESPERANTO. — **Diskutado pri kelkaj proponitaj ŝanĝoj.** Esperanta traduko de René Ferter de la bona konata france verkita broŝuro de **Camille Aymonnier.** — Eldonis Esperantista Centra Oficejo 51 rue de Clichy, Paris (9e). — 68 paĝoj 24 × 15 cm. Prezo: Fr. 1.25.

UNE IMPASSE? LA MULTIPLICITE DES LANGUES INTERNATIONALES. — France verkita de M. Rollet de l'Isle. Eldonis Franca Societo for Propagando de Esperanto, 51 rue de Clichy, Paris (9e). — 8 paĝoj 25 × 19 cm. Prezo: Fr. 0.40.

La aŭtoro majstre pruvas la superecon de la sur longa praktikado bazita Esperanto super ĉiuj aliaj teoriaj projektoj de internaciaj lingvoj aŭ plibone de ŝanĝitaj Esperanto'j.

LA VALEUR PEDAGOGIQUE DE L'ESPERANTO POUR L'ENSEIGNEMENT DU FRANÇAIS, france verkita broŝuro de **M. Rollet de l'Isle,** Prezidanto de Société Française pour la propagation de l'Espéranto kaj de la Esperantista grupo de Paris. 20 paĝoj 21 × 13 1/2 c. Eldonis S. F. P. E. 51 rue de Clichy, Paris (9e). Prezo: 0.50.

Ĉiu bona propagandisto kaj ĉiu instruisto nepre devas posedi ĉi tiun klere verkitan broŝuron.

CANTO DELLE NAZIONI SORELLE. — KANTO DE L'FRATAJ NACIOJ. — (Internacia Kanto Lerneja.) — Paroloj de **Vincenzo Pasquario;** muziko de majstro **Natale Carosio,** Via Carlo Barabino, 16-21, Genova (Italujo).

Kun teksto en originala lingvo itala, kaj traduko en lingvoj franca, angla kaj Esperanta. Tiu kanto estis unuafoje kantita, la 10an de Majo 1919 en Genova, de 5000 gekantantoj (horsocietanoj, studentoj, kaj gelernantoj de la unuagrandaj lernejoj.)

La aŭtoro permesas liberan publikigon kaj kantadon en ĉiuj landoj.

KONGRESA LIBRO DE LA 5a KONGRESO DE FINNLANDAJ ESPERANTISTOJ EN HELSINGFORSO (1919); eldonis Esperanto-Asocio de Finnlando. 48 paĝoj 18 × 12 1/2 cm. — Prezo: Fmk. 3.—.

Belege eldonita libreto, kiu enhavas ĉiujn informojn pri la Esperantitsaj vivo kaj organizaĵo en Finnlando-Krom tio ĝi enhavas kompletan ordon de Diservo Esperanta okazinta dum la kongreso, kun ĉiuj laŭdkantoj kaj psalmoj. FR. DELGARBO.